Jules THIEBAULT

# L'AMI DISPARU

ou

## LES RENAISSANCES ÉPHÉMÈRES
## de MANTES s/ Seine - France

*Contribution supplémentaire*
*à la preuve de l'identité des Esprits*

# LA MALAPERINTA AMIKO

aŭ

## LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ
## en MANTES s/ Seine - Francujo

*Aldona Kontribuo*
*al la pruvaro pri l'identeco de la Spiritoj*






3me EDITION
10me Mille

3a ELDONO
10a Milo

# Jules THIEBAULT

| | |
|---|---|
| **L'AMI DISPARU**<br>ou<br>**LES RENAISSANCES ÉPHÉMÈRES**<br>de<br>**MANTES s/ Seine - France** | **LA MALAPERINTA AMIKO**<br>aŭ<br>**LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ**<br>en<br>**MANTES s/ Seine - Francujo** |
| **Contribution supplémentaire à la preuve de l'identité des Esprits** | **Aldona kontribuo al la pruvaro pri l'identeco de la Spiritoj** |
| 3me EDITION<br>10me Mille | 3a ELDONO<br>10a Milo |




Imprimerie A. SUZAINE, 4, Rue de la Poste, Sedan



Commandant Campana
Komandanto Campana



M^lle^ Madeleine Alexandre
Fraulino Madeleine Alexandre



Joséphine Blaise,
première femme du médium

Joséphine Blaise,
unua edzino de mediumo

# Salle de Représentation

Plan




*LÉGENDE :*

A. Porte d'entrée.
B. Siège du médium dans le cabinet noir.
C. Corbeille de fleurs.
D. Porte de communication avec un cabinet de toilette.
E. Mur latéral tendu de noir.
F. Fenêtre donnant sur la rue.
I. Cheminée d'angle.
M. Phonographe sur table de chêne.
N. Mur latéral du côté de l'entrée.
P. Photographie agrandie de Madeleine.
R. Tableau de S^te^ Anne contre le mur N.
T. Table sur laquelle repose l'instrument de musique.
V. Boutons de réglage de la lumière.

# Ĉambro de Presentado

Plano




*KLARIGO :*

A. Enira pordo.
B. Seĝo de la mediumo en la senluma kamero.
C. Korbo da floroj.
D. Pordo komunikiganta kun tualetejo.
E. Flanka muro nigre drapirita.
F. Fenestro rigardanta al la strato.
I. Enangula kamentabulo.
M. Fonografo sur tablo el kverko.
N. Flanka muro kun la enirejo.
P. Pligrandigita fotografaĵo de Madeleine.
R. Kadro kun bildo de Sanktulino Anno ĉe la muro N.
T. Tabulo, super kiu kuŝas muzikilo.
V. Turniletoj por reguligi la lumon.

# DÉDICACE

Je dédie ces quelques pages d'observations loyales à la Fédération Spirite Internationale de Paris. Effaçant l'obsédant souvenir d'un passé inhumain et pénétrée de la foi du grand Pasteur, inspiratrice de ces lignes :
« Je crois invinciblement que la paix et la science
« triompheront de l'ignorance et de la guerre et que les
« peuples s'entendront non pour détruire mais pour
« édifier, et que l'avenir appartient à ceux qui auront
« le plus fait pour l'humanité souffrante. »

Cette assemblée fraternelle a, d'un vote unanime, le 22 septembre 1924, accueilli dans son sein les délégués de toutes les sociétés spirites, sans distinction de religions ni de races.

L'Auteur.

# DEDIĈAJ PAROLOJ

Tiuj ĉi kelkajn paĝojn da sinceraj observoj mi dediĉas al la Pariza Internacia Spiritista Federacio, kiu deziras ekstermi la trudiĝan memoron pli malhumana pasintaĵo kaj estas penetrita de la kredo, kiu inspiris al famega Pasteur jenajn liniojn :

« Mi firmege kredas, ke la paco kaj la scienco fine
« venkos la sensciecon kaj la militon, ke fine la popo-
« loj interkonsentos ne por detrui sed por konstrui,
« kaj ke la estonteco apartenas al tiuj, kiuj plej multe
« helpos al la suferanta homaro. »

Tiu ĉi frata federacio, en sia kunveno de la dudekdua de septembro 1924, per unuanima decido akceptis en sian sinon la delegitojn de ĉiujn ajn spiritistaj societoj sen diferenco de religio nek de raso.

La Aŭtoro.

# PRÉFACE

Il n'est plus permis d'ignorer ni l'existence de la science spirite, ni l'importance des groupes internationaux qui la cultivent.

En Australie comme au Japon, dans les deux Amériques comme dans notre vieux continent, sous l'inspiration géniale d'Allan-Kardec, on fait tourner les tables, on consulte les médiums, la trilogie de Camille Flammarion sur la mort est devenue populaire. Des congrès mondiaux spirites s'organisent ; et celui de Liège, honorablement présidé en 1923 par Sir Conan Doyle, est un gage certain que l'appel lancé cette année par le bureau de la Fédération spirite Internationale de Paris aux adeptes du monde entier, n'aura pas un moins grand retentissement.

Elève de l'École de Nancy, berceau de l'hypnotisme, imbu de sa doctrine, convaincu par mon expérience personnelle de la force pénétrante des « leçons de choses » en cette matière, je me suis rigoureusement cantonné dans le champ restreint des phénomènes objectifs.

Cette puissance de convaincre, cette supériorité sur les messages parfois bizarres des Intelligences invisibles, ils la doivent à ce caractère particulier qu'ils sont justiciables, non de notre imagination, mais de nos sens attentifs et qu'ils ne peuvent échapper au contrôle indépendant de ceux qui les voient, les touchent et les entendent. La souplesse d'une table de bois léger obéis-

# ANTAUPAROLO

Oni ne plu povas ignori nek la ekziston de la spiritista scienco nek la gravecon de la internaciaj grupoj, kiuj kulturas ĝin.

En Australio same, kiel en Japanujo, en ambaŭ Amerikoj same, kiel en nia malnova kontinento, sub la genia inspiro de Allan-Kardec, oni turnigas tablojn, oni konsultas mediumojn; la primorta trilogiode Camille Flammarion fariĝis populara; tutmondaj spiritistaj kongresoj organiziĝas, kaj la kongreso en Liège, kiun tiel honorinde prezidis dum 1923 Sir Conan Doyle, estas tute certe garantio, ke la tiuĉijara alvoko, al la tutmondaj adeptoj, dissendita de la estraro de la Internacia Spiritista Federacio, atingos ne malpli sensacian sukceson.

Disĉiplo de la Skolo de Nancy, kiu estas la naskiĝloko kaj lulejo de la hipnotismo, estante penetrita de ĝia doktrino, konvinkita propasperte pri la efika forto de la perobjekta instruado en tiu ĉi temo, mi severe limigis min en la malvasta kampo de la objektivaj fenomenoj.

Tiun konvinkan potencon, tiun superecon je la kelkfoje strangaj komunikajoj de la nevideblaj Inteligentuloj ŝuldas la objektivaj fenomenoj al tiu ĉi aparta kaj propra karaktero, ke ili ne dependas de nia fantazio, sed estas prijuĝataj de niaj atentaj sentumorganoj kaj ne povas eviti la sendependan kontrolon de tiuj, kiuj vidas, palpas kaj audas ilin. Ĉu la facilmoveco de

sant au commandement, les caresses d'une main invisible, les coups frappés contre un mur, sans cause apparente, ne laissent-ils pas parmi les assistants une impression plus profonde que la lecture des ouvrages didactiques de nos bibliothèques ?

Dans cet ordre de faits et grâce aux facultés de médiums puissants appartenant à toutes les classes sociales, j'ai présenté au public, en 1917, sous le titre de « l'Ami Disparu », — « The Vanished Friend » pour les pays de langue anglaise, — une série de phénomènes grandissants, jusqu'à reproduire sur une plaque vierge, sans préparation, sans appareil, l'image photographique d'un ami mort depuis quatre ans.

Je me félicitais chaque jour d'avoir touché ainsi, ne fût-ce qu'un moment, le point culminant des preuves de la survie, quand, vers la fin de l'année 1922, apparut dans le bulletin de la Société Psychique de Nancy la relation des prodiges du centre spirite de Mantes. Il m'a été donné de les vérifier pour la première fois en février 1924 ; et les pages qui suivent ne sont que le scrupuleux compte-rendu du merveilleux spectacle qui s'est, à plusieurs reprises, déroulé à portée de ma main.

Fallait-il laisser dans l'ombre un évènement d'une portée incommensurable, persistant, dont la splendeur écrase les plus frappants succès du spiritisme expérimental ? Tout au contraire, l'humanité n'est-elle pas intéressée à connaître des faits périodiques comparables à la rencontre du Christ ressuscité avec son disciple Jean, aux entretiens du fantôme de Katie King avec les enfants de l'illustre physicien, William Crowkes ?

Cette pensée de divulgation universelle m'obsédant, j'en confiai la réalisation au journal international « La Heroldo de Esperanto » qui compte 3000 abonnés dans les deux hémisphères.

tablo el malpeza ligno, kiu obeas la ordonadon, ĉu la karesoj de nevidebla mano, ĉu la batoj frapitaj ĉe iu muro sen ia ajn perceptebla kauzo ne impresas pli profunde kaj pli daure la ĉeestantojn ol la legado didaktajn librojn en niaj bibliotekoj ?

Koncerne tiun ĉi fakon da faktoj kaj dank'al la kapabloj de potencaj mediumoj apartenantaj al ĉiuj sociaj klasoj, mi jam dum 1917 prezentis al la publiko, sub la titolo — : (« La malaperinta Amiko »), — « The Vanished Friend » por la anglolingvaj landoj — serion da pligrandiĝantaj fenomenoj, eĉ estigante sur neimpresitan fotografan platon, sen preparo, sen aparato, la fotografian bildon de iu amiko mortinta jam de kvar jaroj.

Mi rigardis min tre feliĉa ĉar mi atingis, eĉ nur por mallonga momento, la kulminacian punkton de la pruvoj pri la postvivo, kiam, ĉirkaŭ la fino de la jaro 1922, aperis en la bulteno de la Psika Societo de Nancy la raporton pri la mirindegaĵoj de la spiritista centro en Mantes. Mi havis la bonŝancon, ke mi konstatis ilian verecon unuafoje dum februaro 1924, kaj la sekvantaj paĝoj estas nur la akuratega protokolo pri la admirinda spektaklo, kiu plurfoje disvolviĝis tuŝeble per mia mano.

Ĉu mi devis lasi nediskonata okazon de senmezura graveco, kies belegeco egalas la plej impresajn sukcesojn de la eksperimenta spiritismo ? Male, ĉu la tutan homaron ne interesas la kono pri periode reokazantaj faktoj, kiuj estas komparindaj je la renkonto de la reviviĝinta Kristo kun lia disĉiplo Johano aŭ je la interparoladoj de la fantomo de Katie King kun la gefiloj de la famega fizikisto William Crowkes ?

Persekutata de tiu ĉi penso pri tutmonda diskonigo, mi konfidis ĝian efektivigon al la internacia gazeto « HEROLDO DE ESPERANTO », kiu posedas

C'est encore avec le désir d'ajouter une modeste contribution à l'œuvre du Congrès Spirite Mondial de 1925 que j'ai réuni en une monographie bilingue les procès-verbaux de ces manifestations, obtenues grâce à l'intelligent et persévérant travail du Centre Spirite de Mantes.

Puisse ce récit, sans prétention littéraire, mais d'une indiscutable sincérité, éveiller chez tous mes frères humains les espérances qui apaisent et qui consolent ; puisse-t-il les pénétrer de la vérité de cette maxime de « l'Ami Disparu » : — « **LA MORT N'EST PAS LA FIN DE L'ÊTRE, C'EST UNE CRISE DE CROISSANCE** ».

L'AUTEUR.



tri mil abonantojn en ambaŭ duonsferoj de la terglobo.

Ankaŭ dezirante alporti mian modestan kunlaboradon al la verko de la tutmonda Pariza spiritista Kongreso, mi kunmetis en dulingvan monografian raporton la protokolojn pri la manifestiĝoj estigitaj dank'al la sagaca kaj persista laborado de la Spiritista Centro en Mantes.

Volu la ĉielo, ke tiu ĉi rakonto, kiu havas nenian beletran pretendon sed estas sendiskute sincera, veku ĉe ĉiuj miaj homaj kunfratoj la esperojn, kiuj kvietigas kaj konsolas ; volu la ĉielo, ke, dank'al tiu ĉi rakonto ĉiuj konvinkiĝu pri la vereco de jena maksimo de la « Malaperinta Amiko » : **« Morto ne estas la fino de la estulo, ĝi estas krizo de kreskiĝo ».**

La Aŭtoro.



# LES RENAISSANCES EPHEMERES DE MANTES

## Prologue

Cela se passe au N° 23 de la rue Maurepas à Mantes (Seine-et-Oise). Chaque samedi, pendant deux mois consécutifs, à 20 h. 1/2, dans un salon du premier étage de la maison de M. et Madame Alexandre, apparaît, de grandeur naturelle, en chair et en os, une morte depuis plus de cinq ans : cette morte, c'est leur fille unique, Madeleine. On la voit, on la touche, on l'entend. Puis, les apparitions hebdomadaires subissent un arrêt d'une égale durée de deux mois, nécessaire au repos des facteurs qui les provoquent ; après quoi, les mêmes phénomènes se répètent avec de tels caractères de spontanéité et d'indépendance qu'il serait d'une folle impudence de les imaginer, s'ils n'étaient publiquement reconnus comme véridiques.

L'énigme ne repose pas d'ailleurs sur une seule personnalité à peine entrevue ; des fantômes constitués par un organisme complet ou partiel, scientifiquement appelés ectoplasmes, se rencontrent au même rendez-vous, ainsi que d'autres entités invisibles, manipulateurs émérites d'écrans lumineux. Ne le conçoit-on pas d'une incomparable grandeur spiritualiste ce spectacle d'une troupe éthérique de l'Au-Delà, se matérialisant dans un cercle sympathique, donnant la réplique au groupe des nôtres d'Ici-bas, pour se dissoudre, sans laisser de trace, dans le même souffle mystérieux que celui qui lui a donné le jour ?

Toute représentation comportant des acteurs, il faut,

# LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ EN MANTES

## Prologo

La jeno okazas en la domo n-o 23 de la strato *Maurepas* en *Mantes* (Seine-et-Oise). Ĉiun sabaton, dum du sinsekvaj monatoj, je la dudeka kaj duono, en la unuaetaĝa salono de la domo de gesinjoroj *Alexandre*, aperas proprakorpe, kun karno kaj ostoj, laŭ natura amplekso, iu fraŭlino mortinta jam de pli ol kvin jaroj, kiu estis ilia unika filino, Madeleine. Oni vidas ŝin, oni tuŝas ŝin, oni aŭdas ŝin. Poste, la ĉiusemajnaj aperoj ĉesas dum sama daŭro de du monatoj necesa por ke la estigantaj elementoj povu sufiĉe ripozi ; poste denove la samaj fenomenoj ripetiĝas kun tiaj karakteroj de spontaneco kaj sendependeco, ke estus ja tute malsaĝa kaj senhonta faro fantazie imagi ilin, se ili ne estus konstatitaj kiel veraj.

Cetere la enigmo ne koncernas nur unu solan personecon apenaŭ duonvidatan ; sed fantomoj, science nomitaj ektoplasmoj, kiujn konsistigas kompleta aŭ parta organismo, renkontiĝas en la sama rendevuejo kaj ankaŭ aliaj nevideblaj estaĵoj, kiuj lertege funkciigas lumajn ekranojn. Ĉu ne estas senkompare grandioza, laŭ spiritualista vidpunkto, tiu ĉi spektaklo de ia etera aro el la transaĵo, kiu materiiĝas en simpatia ĉeestantaro, respondante al la paroloj de nia surtera aro, kaj dissolviĝas, lasante neniun postsignon, en la sama mistera blovo, kiu estigis ĝin ?

Ĉar ĉiu ajn prezentado bezonas prezentantojn ni devas antaŭe ekrigardi la programon de la spektaklo :

au préalable, jeter un coup d'œil sur le programme de la pièce.

## I. — LES DISPARUS

*L'ESPRIT CAMPANA.* — D'origine corse, désincarné à l'âge de 74 ans, le 11 avril 1911, à Mantes où il s'était retiré après sa mise à la retraite, comme gouverneur de la Guyane, le Commandant Campana s'y était acquis une certaine notoriété de médium guérisseur. Toutefois, détail digne de remarque, il était complètement inconnu de M., Madame et Mademoisselle Alexandre. Devenu, par de nombreux messages depuis sa disparition, l'hôte vénéré de cette famille, au foyer de laquelle il s'est peu à peu installé et qu'il ne quitte plus, le voilà, grand maître des cérémonies et directeur de scène, sachant ordonner les entrées, régler les incidents de séances en y employant la voix autoritaire d'un homme habitué au commandement.

*L'ESPRIT MADELEINE.* — Le premier sujet de cette troupe céleste, le plus vivant, le plus saisissable par nos sens de perception de la vue, de l'ouïe, du toucher, est sans contredit Madeleine Alexandre, terrassée en pleine force, le 1er Novembre 1918, à l'âge de 19 ans. Dès l'année 1920, des communications médiumniques annonçaient son retour à la maison. Si la photographie, la plus récente, nous donne l'image d'une enfant de 11 ans, le fantôme qu'on peut voir, entendre et toucher, nous rend agrandis les mêmes traits, la même chevelure, la même grâce.

*L'ESPRIT JOSEPHINE.* — Désincarnée le 1er février 1920, cette rude travailleuse des champs se libéra rapidement de l'état d'hébétude où nous jette l'ultime combat de la vie et de la mort. Ses mains gonflées

# I. LA MALAPERINTOJ

*LA SPIRITO CAMPANA.* — Devena el Korsiko, senkorpiĝinta en la aĝo de sepdekkvar jaroj, la 11-an de aprilo 1911, en Mantes, kie li loĝis depost sia pensioniĝo kiel guberniestro de la kolonio *Guyane*, la batalionestro Campana fariĝis iom fama en la urbeto kiel kuracanta mediumo. Tamen estas rimarkinde, ke li tute ne estis konata de gesinojroj kaj fraŭlino Alexandre. Iĝinte per multaj komunikaĵoj depost sia malapero respektata gasto de tiu ĉi familio, en kies hejmo li iom post iom ensidiĝis, ne plu forlasante ĝin, jen li ludas la rolon de ceremoniestro kaj scenejestro, lerte reganta la enirojn, kaj aranĝanta la interokazaĵojn de la kunsidoj kun la ordonema voĉo de homo, kiu kutimis komandi.

*LA SPIRITO MADELEINE.* — La ĉefrolulo de tiu ĉiela trupo, la plej vivanta, la plej perceptebla per niaj sentorganoj, de la vidado, de la aŭdado, de la palpado, nekontraŭdireble estas Madeleine Alexandre, kiun tute vivfortikan, deknaŭjaran subpremis la morto, la unuan de novembro 1918. Jam de la jaro 1920 mediumaj komunikaĵoj anoncis ŝian revenon en la hejmon. Kvankam la fotografaĵo, kiu estas la plej freŝdata, prezentas al ni la bildon de dekunu jara infanino, tamen la fantomo, kiun oni povas vidi, aŭdi kaj palpi, montras al ni la samajn, pligrandigitajn, trajtojn, la saman kaphararon, la saman graciecon.

*LA SPIRITO JOSÉPHINE* (Jozefino). — Senkorpiĝinta la 1-an de februaro 1920, tiu ĉi kruda kamplaboristino rapide liberiĝis el la duonidiota stato, en kiun metas nin la plejlasta batalo de la vivo kun la morto. Ŝiajn ŝvelintajn kaj kaloplenajn manojn de

et calleuses de maraîchère ne peuvent, quand on les palpe, se confondre avec les doigts effilés de sa compagne Madeleine.

*L'EGYPTIEN.* — Entité qui prétend avoir vécu, il y a 30 siècles, près des pyramides d'Egypte, et ne se manifeste à l'assistance que sous la forme ectoplasmique d'une main noire aux contours lumineux.

*LES COMPARSES.* — Enfin, après ces ectoplasmes complets ou partiels, se présentent tour à tour un certain nombre de comparses invisibles qui, à l'aide d'écrans lumineux, savent donner aux questions posées des réponses affirmatives (inclinaison de haut en bas), ou négatives (mouvement alternatif de droite à gauche et de gauche à droite) et finalement, vont d'un vol rapide caresser d'un frôlement léger les amis qu'ils retrouvent dans la salle.

## II. — LES TERRIENS

*MADAME ALEXANRE.* — Plus près de nous et sur notre plan, obéissant à une pensée commune, génératrice de la vie, se groupe, non moins intéressante à observer, la troupe de Madame Alexandre.

Si dans l'accomplissement de faits d'apparence miraculeuse, celle-ci ne tient que le rôle de « second » du Commandant Campana, c'est grâce à son intelligence, sa ténacité et son dévouement que s'est condensée la potentialité fluidique, capable de les produire.

Pour juger de l'importance de la mission qu'elle a reçue de son chef de file, il faut la voir, avant le lever du rideau, au premier rang des chaises, j'allais dire à son poste de commandement, son mari à droite, un secrétaire à gauche, veiller à tout, fixer la place de chaque assistant, régler les jeux de lumière, renouveler ses recommanda-

legumkulturistino oni ne povas palpante konfuzi kun la delikate pintaj fingroj de ŝia kunulino Madeleine.

*LA EGYPTANO.* — Estajo, kiu pretendas, ke li vivis antaŭ tridek jarcentoj, proksime je la egyptaj piramidoj, kaj sin montras al la ĉeestantaro nur en la formo ektoplasmeca de ia mano nigrakolora kun lumaj konturoj.

*LA MALĈEFAJ AKTOROJ.* — Fine, post tiuj ĉi kompletaj aŭ partaj ektoplasmoj, prezentiĝas laŭvice kelkaj nevideblaj akcesoruloj, kiuj, per lumaj ekranoj, povas respondi jese (klinante de supre malsupren) aŭ maljese (alterne movante de dekstre maldekstren kaj de maldekstre dekstren), kaj fine, rapide flugante, iras kaj karesas per delikata duontuŝo la amikojn, kiujn ili retrovas en la ĉambro.

## II. LA SURTERANOJ

*SINJORINO ALEXANDRE.* — Troviĝanta pli proksime al ni kaj sur la sama ŝtupo kiel ni, obeanta al komuna penso, naskanta la vivon, ariĝas la trupo de sinjorino Alexandre, kiu ne estas malpli interesa por la observanto.

Kvankam tiu ĉi sinjorino ĉe la efektivigo de mirakla-ŝajnaj faktoj, ludas nur la rolon de helpantino de batalionestro Campana, tamen dank'al ŝia inteligenteco, ŝia persisteco kaj ŝia sindono kondensiĝis la fluideca potencialeco, kiu estas kapabla produkti tiujn faktojn.

Oni nur povas juĝi pri la graveco de la komisio, kiun ŝi recevis de ŝia ordonrajta ĉefo, vidante ŝin, antaŭ la levo de la kurteno, en la unua vico de la seĝoj, kvazaŭ en ŝia komandposteno, kun la edzo sidanta dekstre kaj iu sekretario maldekstre, zorgantan pri ĉio,

tions rituelles, et, dans le cours des phénomènes, par une projection incessante des bras en avant, apporter sa contribution à la matérialisation de l'Esprit.

*LE MEDIUM BLAISE.* — Facteur indispensable des vibrations de la matière, le magasinier Blaise, âgé de 48 ans, est un virtuose de la médiumnité. Sa puissance médiumnique n'est égalée que par son inlassable dévouement à mettre gracieusement à la disposition de la science les forces que n'a pas épuisées son pénible travail journalier.

*LES FIGURANTS.* — Reste ce noyau de 12 à 15 croyants, familiers de la maison, qui, se joignant à M. Alexandre, ne manquent pas, fussent-ils distants de 60 kilomètres, et si dure que soit la saison, de venir par leur présence renforcer de leur contingent personnnel la puissance de Blaise.

*LE PUBLIC.* — Quant à l'assistance étrangère, contrôlée par l'Esprit Campana, elle est clairsemée : quatre à cinq personnes, au plus. Si la salle ne se prête pas réellement à de plus nombreuses admissions, une autre considération s'impose : ne faut-il pas prendre garde que quelque pensée hostile ou simplement méfiante ne vienne troubler la marche des ondes psychiques et annihiler ainsi l'énergie d'un effort commun ?

Les séances d'autrefois se tenaient au rez-de-chaussée : en raison du trouble occasionné par les bruits extérieurs, l'esprit Campana les fit reporter au premier étage dans un salon de 4 m. 15 de longueur, 3 m. 50 de largeur et 2 m. 80 de hauteur. On y accède par une porte latérale d'un angle de la pièce. Indépendamment de la porte d'entrée, deux ouvertures seulement : une fenêtre sur la rue aveuglée par un large rideau de velours grenat et une porte communiquant avec un cabinet de toilette, mais

difinantan al ĉiŭ ĉeestanto la konvenan lokon, ordigantan la variigojn de la lumo, ripetantan siajn priritajn rekomendojn, fine, dum la fariĝo de la fenomenoj, per senĉesa antaŭenĵeto de la brakoj, kunpenantan kaj kunhelpantan al la materiiĝo de la Spirito.

*MEDIUMO BLAISE.* — Necesega estiganto de la vibradoj de la materio, la magazengardisto Blaise, kvardekokjara, estas virtuoso pri la mediumeco. Lian mediumecan potencon egalas nur lia senlaca sindono, ĉar li senpage disponigas al la scienco la fortojn, kiujn ne elĉerpis lia peniga ĉiutaga laboro.

*LA SUBAKTOROJ* (aŭ statistoj). — Restas kutima aro de dekdu ĝis dekkvin kredantoj, hejmaj amikoj, kiuj kuniĝas kun sinjoro Alexandre kaj, eĉ se ili loĝas en malproksimeco de sesdek kilometroj, eĉ se la sezono estas tre malmilda, ne preterlasante venas por plifortigi per sia ĉeesto kaj persona kontribuo la potencon de Blaise.

*LA PUBLIKO.* — La fremda ekstera ĉeestantaro, kiun kontrolas la spirito Campana, estas malmultnombra, kaj enhavas maksimume kvar aŭ kvin personojn Ne nur la ĉambro efektive ne ebligas pli multnombrajn akçeptojn, sed ankaŭ alio estas konsiderinda : oni devas zorgi, ke neniu penso malamika aŭ simple malfidema maltrankviligu la iradon de la psikaj ondoj kaj senkapabligu tiamaniere la energion de la komuna streĉopenado ?

La iamaj kunsidoj havis lokon sur la teretaĝo ; sed pro la konfuzo estigita de la eskstera] bruoj, la spirito Compana ordonis, ke oni transportu ilin sur la unuan etaĝon, en salono longa je kvar metroj dekkvin centimetroj, larĝa je tri metroj kvindek kaj alta je du metroj okdek. Oni eniras en ĝin per flanka pordo de unu angulo de la ĉambro. Krom la enireja pordo estas nur du aperturoj : fenestro rigardanta al la strato kaj senlumige vualita per larĝa velura grenadkolora kurteno,

barrée par une lourde table de chêne portant un phonographe. Une tenture noire couvre un des murs latéraux ; en face, une grande peinture sans valeur de Sainte-Anne apprenant à lire à la Vierge. Un agrandissement de la photographie de Madeleine est suspendu entre la fenêtre et le mur latéral N. Le plancher est entièrement couvert d'un grand tapis d'arabesques noires sur fond grenat ; au plafond, un lustre de lumière électrique garni de facettes de cristal.

*AMEUBLEMENT.* — Devant la fenêtre, un piano, sur lequel sont éparses, çà et là, une statuette de la Vierge, une image de la tête du Christ et de nombreuses photographies de personnalités désincarnées, fréquentant les séances. Le piano est toujours ouvert pour faciliter aux fantômes le contact des touches sans perte inutile de dynamisme ; contre le piano, une banquette cannée de 1 m. de longueur ; à gauche, le fauteuil du médium dans un cabinet formé par l'angle des murs et un double rideau noir glissant sur tringle.

Entre ce double rideau et le premier rang de chaises, une table à ouvrage Louis XV, en noyer ciré, sur laquelle est placée une corbeille de fleurs fraîches. Cette table remplace le trépied léger des premières séances.

A la distance de 1 m. 20 de la banquette, un premier rang de chaises obstruant complètement le passage entre la porte d'entrée et cet étroit couloir de 1 m. 20 réservé aux évolutions des apparitions ; encore en arrière, un second rang de chaises contrôlant les deux seules portes de la salle.

*MUSIQUE.* — Aucun observateur des manifestations spirites n'ignore que les vibrations musicales favorisent leur production. Au début, le phonographe égrénait des airs de « *banjo* » qui déplurent bientôt à l'Esprit

kaj pordo komunikiganta kun tualetejo sed trabarita per peza tablo el kverko surhavanta fonografon. Nigra drapirajo kovras unu el la flankaj muroj kontraŭrigarde estas granda senvalora pentrajo prezentanta Sanktulinon Annon instruantan al la Virgulino la legadon. Pligrandigajo de la fotografaĵo de Madeleine pendas inter la fenestro kaj la flanka muro N. La planko estas tute kovrita per granda tapiŝo kun nigraj arabeskoj sur grenadkolora fono. Ĉe la plafono pendas elektroluma lustro garnita per facetoj el kristalo.

*MEBLARO.* — Antaŭ la fenestro staras fortepiano, sur kiu dise troviĝas statueto de la Virgulino, bildo de la kapo de Kristo kaj multaj fotografaĵoj de senkorpiĝintaj personoj, kiuj vizitadas la kunsidojn. La fortepiano estas konstante malfermita por faciligi al la fantomoj la tuŝadon de la klavoj perdante senutile neniun dinamismon. Ĉe la fortepiano kuŝas kanplektita benketo longa je unu metro. Maldekstre staras la brakseĝo de la mediumo en kabineto formita per la angulo de la muroj kaĵ duobla nigra kurteno ŝoviĝanta sur metalvergo.

Inter tiu ĉi duobla kurteno kaj la unua vico da seĝoj troviĝas kudrotablo laŭ stilo de Ludoviko la Dekkvina, el vaksita juglandarba ligno, sur kiu estas metita korbo da freŝaj floroj. Tiu ĉi tablo anstataŭas la malpezan tripiedon de la unuaj kunsidoj.

Apartigita de la benketo per interspaco de unu metro dudek, unua vico da seĝoj tute obstrukcas la trairon inter la enirpordo kaj tiu ĉi mallarĝa trairejo de unu metro dudek, kiu estas rezervata por la manovroj de la aperaĵoj. Pli malantaŭe dua vico da seĝoj kontrolas la du solajn pordojn de la salono.

*MUZIKO.* — Neniu observanto de la spiritistaj manifestiĝoj nescias, ke la muzikaj vibradoj favoras la

directeur ; on lui fit alors entendre plus de vingt disques, et son choix s'arrêta sur deux andantes : le cantique « Le Ciel a visité la terre » donné par une voix de ténor et la « Berceuse de Jocelyn » sur violon alto. Il n'y a d'ailleurs aucune interruption musicale pendant toute la durée de la séance.

*LUMINOSITE.* — L'éclairage par trois lampes à feu rouge est assez intense pour permettre de distinguer les traits de ses plus proches voisins. Cette intensité, conditionnée par la consommation électrique et variable avec les saisons serait parfois insuffisante, si les fantômes n'offraient pas l'admirable vision de s'éclairer eux-mêmes à l'aide d'écrans lumineux. Ces écrans consistent en deux cartons rectangulaires de 33 × 25 centimètres recouverts d'une couche de sulfure de zinc. Cette composition, d'un prix très élevé (1000 frs. le kg.) est bien supérieure au sulfure de calcium.

*PARFUM.* — Quelque temps avant la séance on brûle dans la salle des grains d'encens pour en former un épais nuage, tellement dense que l'air en paraît d'abord irrespirable ; mais cette gêne n'est que passagère.

C'est alors que tout est prêt, l'assistance introduite, serrée coude à coude, ne tenant ni bras ni jambes croisés, obligée à l'immobilité complète, au silence le plus strict, attendant patiemment les trois coups fatidiques de l'esprit Campana.

Pendant trois heures, sans arrêt, vont se dérouler les péripéties de la soirée du 2 février 1924, la première des trois séances auxquelles le grand Maître de la scène avait bien voulu me convier.

Entraîné déjà par dix-sept années de recherches expérimentales et d'observations de plus de trente sujets médiumniques, j'y suis allé le cerveau froid, affranchi

produktadon de tiuj fenomenoj. Komence, la fonografo sonigis unu post alia ariojn de « *banjo* », kiuj baldaŭ malplaĉis al la direktanta spirito ; tiam oni aŭdigis al li pli ol dudek diskojn, kaj fine li firme elektis du andantojn : la kantiko « La Ĉielo vizitis la teron » per tenorvoĉo kaj la « Berceuse de Jocelyn » per aldviolono. Cetere neniam interĉesas la muziko dum la tuta daŭro de la kunsido.

*LUMIGO*. — La lumigo liverita per tri ruĝfajraj lampoj estas sufiĉe intensa por ebligi, ke oni distingas la trajtojn de la plej proksimaj najbaroj. Tiu ĉi intenseco, kiu varias laŭ la konsumo de elektro kaj laŭ la sezonoj, estus kelkfoje nesufiĉa, se la fantomoj ne prezentus al ni admirindan vidaĵon, lumigante sin mem per lumaj ekranoj. Tiuj ĉi ekranoj konsistas el du rektangulaj kartonpecoj, longaj je tridektri kaj larĝaj je dudekkvin centimetroj, ŝmiritaj per tavolo da zinka sulfuro. Tiu ĉi substanco, kvankam tre multekosta (po mil frankoj por kilo) estas tre preferinda je la kalcia sulfuro.

*PARFUMO*. — Nelonge antaŭ la kunsido, oni bruligas en la salono incenserojn por formi nubon tiel densan ke unue la aero ŝajnas nespirebla ; sed tiu ĉi maloportuneco ne daŭras.

Tiam ĉio estas preta, la ĉeestantaro estas enkondukata kaj, interpremiĝante kun kubuto ĉe kubuto, krucigante nek brakojn nek krurojn, devante resti tute senmova kaj severe silenta, atendas la tri anoncajn frapojn de la spirito Campana.

Dum tri horoj, senhalte, estas sinsekve okazontaj la neatenditaĵoj de la vespero de la dua de februara 1924, kiu estis la unua el la tri kunsidoj, al kiuj la supera scenejestro bonvolis inviti min.

Hardita jam per deksep jaroj da eksperimentaj esploroj kaj da observoj pri pli ol tridek mediumoj, mi tien iris kun flegmo kaj malvarma cerbo, liberigita je la

de l'intempérance d'un néophyte, uniquement pénétré de la pensée d'un grand philosophe, Emile Boirac, Recteur de l'Université de Dijon, qui m'écrivait un jour : « *Nous n'avons pas à rechercher pourquoi tels faits existent, ni pourquoi ils sont tels et non autrement.* » Si j'ajoute que le génie d'un Pasteur, observateur et philosophe, proclamait l'expérimentation « *seule source de vérité,* » je me crois en droit de dénier cette affirmation audacieuse et purement gratuite d'un critique de la Revue Métapsychique Belge de Mai 1924 : « La philosophie et la science « constituent deux domaines bien distincts et l'on ne peut « impunément se tenir à califourchon sur la frontière « qui les sépare. »

Faut-il donc lui dénombrer les ruines de toutes les thèses philosophiques qui depuis la scolastique moyennageuse jusqu'au Bergsonisme ont voulu ignorer l'enseignement scientifique. Mais l'énumération en serait fastidieuse et hors de mon sujet. Suivant au contraire le sillon tracé par Bacon et Pasteur, adepte de leur méthode, j'ai pris soin de noter dans ce long préambule les moindres détails préliminaires d'une représentation unique au monde ; et sans chercher comme Icare à escalader les cieux, j'espère y trouver *une pointe de philosophie, un grain de sagesse, une parcelle de vérité.*



malmodereco de la novicoj, nur profunde konvinkita per la penso de la granda filozofo, *Emile Boirac,* Rektoro de la Universitato de Dijon, kiu iam skribis al mi : « *Nia tasko ne estas serĉi, pro kio tiaj faktoj eksistas, nek pro kio ili estas tiaj kaj ne aliaj.* » Aldonante, ke la genia observanto kaj filiozofo *Pasteur* deklaris, ke la eksperimentado estas « *la sola fonto de la vero* », mi opinias, ke mi rajtas malakcepti la jenan maltiman asertaĵon de ia khristikisto en la Belga Metapsika Revuo de majo 1924 : « Filozofio kaj scienco konsistigas du regionojn tute apartigitajn kaj diferencajn, kaj oni ne povas sendanĝere kvazaŭ rajde duonsidi su la limo, kiu aparigas ilin.»

Ĉu mi bezonas denombri al li la ruiniĝojn de ĉiuj filozofiaj doktrinoj, kiuj, depost la mezepoka skolastiko ĝis la sistemo de *Bergson,* ne volis koni la sciencan instruon ? Sed tiu ĉi laŭvica tutcitado estus tedega kaj ekstertema. Kontraŭe, sekvante la sulkon, kiun difinis *Bacon* kaj *Pasteur,* adepto de ilia metodo, mi zorge notis en tiu ĉi longa antaŭparolo eĉ la plej malgrandajn preparajn detalojn de iu prezentado unika en la mondo, kaj, ne penante, kiel Ikaro, por grimpi ĝis la ĉieloj, mi esperas trovi *eron da filozofio, grajnon da saĝeco, peceton da vero.*





# LES RENAISSANCES EPHEMERES DE MANTES

## PREMIÈRE PARTIE

### *Première Séance*

Nous sommes au 2 février 1924. A 20 h. 1/2, 12 figurants et 3 invités occupent dans le salon du premier étage les places qui leur sont réservées. L'ancienne maîtresse de piano de Madeleine, Madame Nicolini, admise comme moi pour la première fois, est assise à l'extrémité droite du premier rang ; Madame Alexandre en occupe la chaise N° 4. A sa gauche, son secrétaire, M. Paquin, dont je suis le voisin. Ma chaise (N° 2 du rang) est à 1 m. 20 de la banquette du piano et à 0 m. 80 sur ma gauche du trépied, sur lequel est déposée une corbeille garnie de giroflées, d'œillets et de branches de spartacus.

D'un ton impératif la directrice fait les recommandations d'usage : pas une parole, pas un bruit ; ni bras, ni jambes croisées.

**LEVER DE RIDEAU. — Visions.** Le médium Blaise s'asseoit sur la banquette, le dos tourné à l'assistance. On fait l'obscurité complète. Après quelques minutes d'attente, le médium, en état de veille, annonce la présence d'un esprit qu'il appelle l'Egyptien. Il en signale les gestes, déchiffre difficilement le parler nègre que celui-ci lui met devant les yeux. L'Egyptien est un médecin consultant, à qui Madame Alexandre, porte

# LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ EN MANTES

## UNUA PARTO

### *Unua Kunsido*

Estas la dua de februaro 1924. Je la 20 a kaj duona horo, 12 duonaktoroj kaj 3 invititaj gastoj okupas en la salono de la unua etaĝo la lokojn, kiuj estas rezervitaj por ili. Sinjorino Nicolini, kiu iam instruis Magdalenon (Madeleine) pri piano, unuafoje, same kiel mi, akceptita, sidas ĉe la dekstra fino de la unua vico ; sinjorino Alexandre okupas en la sama vico la seĝon kun la numero 4 ; maldekstre ĉe ŝi sidas ŝia sekretario, s-o Paquin, kies najbaro mi estas. Mia seĝo (n-o 2 de la vico) staras je interspaco de 1,20 metro de la benketo de la piano kaj je 0,80 metro de la tripiedo, kiu staras maldekstre de mi kaj sur kiu estas metita korbo provizita per levkojoj, diantoj kaj branĉoj de « spartacus ».

Kun komanda tono la direktantino donas la kutimajn instrukciojn : neniu parolo, neniu bruo, neniuj interkrucigitaj brakoj aŭ kruroj.

*ANTAŬ SPEKTAKLO. — Vizioj.* La mediumo Blaise sidiĝas sur la benketon, kun la dorso turnita kontraŭ la ĉeestantaro. Oni estigas plenan mallumon. Post kelkaj minutoj da atendo, la mediumo, maldormante, anoncas la ĉeestadon de iu spirito, kiun li nomas la egiptano. Li sciigas al ni liajn gestojn, malfacile deĉifras la fuŝitan francan lingvon, kiun la spirito metas antaŭ liajn okulojn. La egyptano estas konsilanta

parole des assistants expose l'état maladif d'un ami absent. Il prescrit des remèdes, s'enquiert des résultats de sa médication antérieure et reçoit les remerciements de ceux qui lui doivent le retour à la vie.

Les difficultés de lecture d'un langage français incorrect prolongent la consultation au-delà d'une demi-heure ; puis on fait la lumière complète ; le médium entre dans le cabinet noir entièrement fermé par le double rideau ; deux écrans phosphorescents sont placés aux pieds de la directrice, et la lumière blanche est remplacée par la lumière rouge.

**PREMIER ACTE. — Apparitions.** Au milieu du silence le plus complet, le médium s'entrance, fréquemment secoué par des quintes de toux. Aux soupirs, aux plaintes pénibles qu'il exhale succède bientôt un calme absolu. Trois coups frappés retentissent sur la paroi latérale E : c'est le signal donné par le guide Campana pour la mise en marche du phonographe. Il va pendant toute la durée de la première scène répéter sans fin le cantique : « Le Ciel a visité la terre. »

A la sixième répétition, devant moi, entre le piano et le double rideau noir, s'agite, à hauteur d'épaule, pendant quelques secondes, une légère vapeur blanche. Elle disparaît, comme chassée par un souffle, pour se condenser presque aussitôt en une toile d'araignée plus épaisse et plus étendue. Bref, à la suite d'évaporations et de condensations successives, ce nuage est devenu une draperie d'un blanc lunaire enveloppant une forme humaine de taille normale. Cette forme glisse en passant devant ma chaise. J'entends deux baisers et ces paroles de Madame Alexandre : « *Merci, ma bonne Madeleine ; merci, ma chérie, veux-tu nous offrir des fleurs.* »

Madeleine se rend au trépied et vient m'offrir une

kuracisto, al kiu sinjorino Alexandre, parolante anstataŭ la ĉeestantoj konigas la nunan staton de la forestanta amiko. Li ordonas la kuracilojn, demandas pri la rezultatoj de la antaŭaj ordonoj kaj ricevas la dankojn de tiuj, kiuj ŝuldas al li la resaniĝon.

La malfacila legado de malkorekta franca lingvaĵo daŭrigas la konsultadon dum pli ol duonhoro ; poste oni plene lumigas ; la mediumo eniras en la senluman kabineton, fermitan per la duobla kurteno ; du fosforbrilaj ekranoj estas metitaj ĉe la piedojn de la direktantino, kaj la ruĝa lumo anstataŭas la blankan lumon.

*UNUA AKTO. — Aperoj.* Dum plena silento, la mediumo entranziĝas, ofte skuita de ektusegoj. Post la ĝemoj, post la dolorplenaj plendoj, kiujn li eligas, fariĝas absoluta kvieto. Tri frapoj aŭdiĝas ĉe la flanka muro E ; tio estas la signalo farita de la gvidanto Campana por la ekfunkciigo de la fonografo, kiu, dum la tuta daŭro de la unua sceno senfine ripetos la kantikon : « La ĉielo vizitis la teron.»

Ĉe la sesa ripetado, svingiĝas antaŭ mi, inter la piano kaj la duobla nigra kurteno, je la alteco de miaj ŝultroj, dum kelkaj sekundoj, maldensa blanka vaporo. Ĝi malaperas, kvazaŭ forblovite, kaj preskaŭ senprokraste plidensiĝas simile je araneaĵo pli dika kaj pli granda. Mallongvorte, post sinsekvaj disvaporiĝoj kaj plidensiĝoj, tiu ĉi nubeto fariĝis luneblanka drapiraĵo envolvanta homan normalgrandan formon. Tiu ĉi formo glitante pasas antaŭ mia seĝo. Mi aŭdas du kisojn kaj la jenajn parolojn de sinjorino Alexandre : *« Dankon, ho mia bona Magdaleno ; dankon, ho mia karulino , ĉu ci volas prezenti al ni florojn ? »*

fleur de la corbeille qu'elle a saisie des deux mains. Ces mains se voient nettement ; il n'en est pas de même des traits du visage, un peu plus éloignés ; sous le voile blanc se détachent seules les nattes d'une épaisse chevelure tombant sur les épaules. Le fantôme présente sa corbeille au premier rang des assistants, et s'arrête devant Madame Nicolini, qui lui dit : « *Êtes-vous heureuse ?* » — On entend une voix enfantine, métallique, un peu étranglée, répondre : « *Très heureuse, je vous aime bien* », et le bruit de deux baisers. Le fantôme replace la corbeille sur le trépied, et, comme s'il s'était épuisé par un premier effort, s'évanouit.

Il ne tarde pas à reparaître.

Madame Alexandre l'invite alors à s'éclairer à l'aide des écrans. Madeleine s'approche, en prend un dans chaque main et cherche vainement à les élever : « *Ils sont un peu lourds, dit-elle ;* » — *pourquoi, reprend sa mère ;* — « *le médium est un peu fatigué, réplique-t-elle : il tousse.* » Ce colloque a lieu à quelques dizaines de centimètres de ma chaise.

Cependant, par une nouvelle tentative, le fantôme parvient à porter les écrans à hauteur d'épaule. Je distingue alors, entre deux nattes tombant sur la poitrine, son visage reproduisant plus accusés les traits de la photographie de la fillette de 11 ans. Après quelques instants de repos, il reprend la même attitude et refait le même geste devant Madame Nicolini.

Invitée par la directrice à venir me serrer la main, Madeleine s'approche de moi, mais ne se la laisse pas saisir ; je ne sens sur le dos de ma main droite que le passage de son index fluet à la peau chaude et douce.

*Enfin, dans un mouvement d'heureuse inspiration, elle place un écran lumineux en arrière du bas des*

Magdaleno iras al la tripiedo kaj venas al mi, prezentante floron el la korbo kiun ŝi per ambaŭ manoj kaptis. La manoj vidiĝas malkonfuze, sed la samo ne okazas pri la vizaĝaj trajtoj, kiuj estas iom pli malproksimaj ; sub la blanka vualo kontraste videbliĝas nur plektaĵoj da densa kaphararo, kiu defalas sur la ŝultroj. La fantomo prezentas la korbon al la unua vico da ĉeestantoj kaj haltas antaŭ sinjorino Nicolini, kiu diras al ŝi : « *Ĉu vi estas feliĉa ?* » Oni aŭdas infanan voĉon, metalan, iom sufokatan, kiu respondas : « *Tre feliĉa ; mi tre amas vin !* », kaj la bruon de du kisoj. La fantomo remetas la korbon sur la tripiedon kaj, kvazaŭ lace konsumita de sia unua penstreĉado, formalaperas.

Sed ĝi baldaŭ reaperas. Tiam sinjorino Alexandre petas, ke ĝi lumigu al si per la ekranoj. Magdaleno alproksimiĝas, kaptas ekranon per ĉiu mano kaj vane penas por levi ilin alten : « *Ili estas iom tro pezaj* », *ŝi diras* — « *Kial ?* », rediras la patrino. — « *La mediumo estas iom laca,* » ŝi respondas : « *li tusas.* » Tiu ĉi interparoladeto fariĝas je malmultaj dekoj da centimetroj distance de mia seĝo.

Tamen, per nova provo, la fantomo fine povas levi la ekranojn ĝis alto de la ŝultroj. Tiam mi distingas, inter du harplektaĵoj defalantaj sur la brusto, ĝian vizaĝon, kiu montras plifortigite kaj pliakcentite la trajtojn de la dekunujara knabineto. Post kelkaj momentoj da ripozo, ĝi metas sin denove en la sama sintenado kaj faras la saman geston antaŭ sinjorino Nicolini.

Invitite de la direktantino, ke ŝi alproksimiĝu kaj premu mian manon, Magdaleno alproksimiĝas al mi, sed ne ebligas ke mi povu kapti ŝian manon ; mi sentas sur la dorso de mia dekstra mano nur la pason de ŝia maldika montra fingro, kies haŭto estas varma kaj glata. *Fine, per feliĉinspira movo, ŝi lokas unu lumantan ekranon malantaŭ la malsupron de la kruroj de la*

*jambes du médium endormi. Celles-ci, ainsi que les pieds chaussés de gros souliers, s'aperçoivent de tous les spectateurs, en un relief saisissant.*

La première scène a pris fin ; le fantôme s'est évanoui, le disque de la berçeuse a remplacé celui du cantique. Quelques secondes d'attente et une main masculine noire sort du double rideau, près du plafond. C'est la main de l'Egyptien, déclare Madame Alexandre. Dans la demi-obscurité des lumières rouges, on la voit franchement dessinée par une ligne lumineuse de l'éclat du ver luisant, contournant les doigts et la paume.

Cette main, véritable ectoplasme partiel, descend vers la corbeille, y cueille une tige de giroflée rose et une branche de spartacus et vient les déposer dans ma main droite ouverte. Ensuite elle disparaît.

Après plusieurs phrases musicales, voici, sortant brusquement de l'ombre, une nouvelle venue à la pesante démarche. C'est Joséphine Blaise, première femme du médium, matérialisée sous un péplum de nuance moins claire que celui de Madeleine. Elle saisit un écran qu'elle tente vainement de soulever au-dessus de sa taille, puis embrasse avec force la directrice.

*Invitée par elle à me donner la main, Joséphine s'approche sans hésitation ; à la lumière rouge son visage reste flou ; mais je sens dans main droite la sienne qu'elle m'offre de bonne grâce. Je presse l'ossature de cette main chaude, calleuse aux doigts rugueux, énormes. Notre serrement de mains dure de 5 à 10 secondes ; je voudrais le prolonger, conserver indéfiniment cette preuve tangible de la réalité ; tout à coup mes doigts se replient, ma main se referme sans avoir éprouvé la sensation d'un retrait ; la main de Joséphine ne s'est pas retirée, elle a fondu.*

*dormanta mediumo, kiuj, same kiel la piedoj vestitaj per maldelikataj ŝuoj, estas vidataj de ĉiuj rigardantoj kun miriga reliefo.*

La unua sceno finiĝis ; la fontomo fordisiĝis kaj la fonografa disko de la lulmuzikaĵo anstataŭis la diskon de la kantiko. Post kelkaj minutoj da atendo iu vira nigra mano eliĝas el la duobla kurteno, proksime al la plafono. Tio estas la mano de la egiytano, deklaras sinjorino Alexandre. En la duonmallumo de la ruĝaj lumoj, oni vidas ĝin klare desegnitan per luma linio brilanta kiel lampiro kaj konturanta la fingrojn kaj la manplaton.

Tiu ĉi mano, vera parta ektoplasmo, malsupreniras al la korbo, ŝirprenas en ĝi stangeton de rozkolora levkojo kaj branĉon de spartako kaj metas ilin en mian dekstran malfermitan manon. Poste ĝi malaperas.

Post kelkaj muzikfrazoj, jen eliras subite el la ombro nova venantino kun peza paŝado. Tio estas Jozefino Blaise, unua edzino de la mediumo, materiiĝinta sub peplumo pli malhelkolora ol tiu de Magdaleno. Ŝi kaptas ekranon, kiun ŝi vane provas levi super sian talion, kaj kisas forte la direktantinon.

*Petite de tiu ĉi, ke ŝi etendu al mi la manon, Jezofino senhezite alproksimiĝas ; ĉe la ruĝa lumo ŝia vizaĝo restas malprecizkontura, sed mi sentas en mia dekstra mano la ŝian, kiun ŝi prezentas al mi volonte. Mi premas la ostaron de tiu ĉi varma kaj kala mano, kies fingroj estas malglataj kaj monstre dikaj. Nia manpremo daŭras dum 5 ĝis 10 sekundoj ; mi dezirus plilongigi ĝin, konservi senfine tiun ĉi palpeblan pruvon pri realeco ; sed subite miaj fingroj faldiĝas kaj mia mano fermiĝas, ne sentinte iun ajn senton pri retiriĝa movo, ĉar la mano de Jozefino ne retiriĝis ; ĝi forfandiĝis.*

*Durant cette seconde scène, des notes de piano s'égrenaient; dans un mouvement rapide de va et vient, le double rideau glissait sur la tringle.*

Avant de nous quitter, Joséphine dépose sur un écran lumineux un coin de son voile et nous laisse le temps d'admirer l'extrême ténuité du tissu. C'est son dernier geste : le fantôme n'est plus. Ainsi se termine le premier acte.

**DEUXIÈME ACTE. — Jeu des écrans.** Joséphine à peine disparue, les deux écrans quittent spontanément le tapis, s'élèvent lentement et commencent au-dessus des spectateurs une randonnée sans fin. On les voit évoluant avec dextérité autour du lustre, se croisant sans heurts, tantôt debout, tantôt couchés. Au bout de quelques minutes, ils descendent à leur place.

L'un deux reprend aussitôt sa course et se fait reconnaître en allant caresser d'un frôlement léger la joue de M. Paquin, mon voisin de droite, ancien aviateur militaire. C'est une manifestation de sa mère. L'écran se rend à la corbeille, touche une fleur qui reste maintenue à l'un de ses côtés par une main invisible et la rapporte à celui qu'il a distingué parmi nous.

Le voilà maintenant lancé avec la rapidité de l'hirondelle dans l'étroit espace de la pièce. Courbes gracieuses, paraboles et ellipses s'élèvent et s'abaissent successivement entre le plafond et les regards effarés de l'assistance. Ce jeu prestigieux dure quelques minutes, puis il prend fin aux pieds de la directrice.

A son tour, le second écran entre en scène ; ce n'est plus l'allure foudroyante d'un avion. Manié par Joséphine, il embrasse bruyamment la joue de Madame Alexandre, et distribue quelques fleurs dans la salle, de gros doigts très apparents les prenant dans la corbeille

*Dum tiu ĉi dua sceno, pianaj notoj unuope eksonis kaj per rapida iro-reira movado la duobla kurteno ŝoviĝis sur la metala vergo.*

Antaŭ ol ŝi forlasas nin, Jozefino metas sur unu el la lumaj ekranoj angulpecon de sia vualo kaj lasas al ni sufiĉan tempon por admiri la egan maldikecon de la teksaĵo. Tio estas ŝia lasta gesto; la fantomo ne plu estas. Tiel finiĝas la unua akto.

*DUA AKTO. — Moviĝo de la ekranoj.* Apenaŭ Jozefino estas malaperinta, la du ekranoj forlasas propramove la tapiŝon, leviĝas malrapide kaj komencas super la rigardantoj senfinan promenadon. Ni vidas ilin lerte manovrantajn ĉirkaŭ la lustro, senrenkonte interkruciĝantajn, jen stare, jen kuŝe. Post kelkaj minutoj, ili malsupreniras al sia loko.

Unu el ili senprokraste rekomencas sian kuradon kaj por anonci sin iras kaj karesas per delikata tuŝeto la vangon de s-o Paquin, mia dekstra najbaro, eksa militaviadisto. Tio estas manifestado de lia patrino. La ekrano iras al la korbo, tuŝas iun floron, kiu restas flanke tenata per nevidebla mano kaj alportas ĝin al tiu, kiun ĝi distingis inter ni.

Jen nun ĝi ĵetiĝas kun hirunda rapideco en la mallarĝa spaco de la ĉambro. Graciaj kurbiradoj, paraboloj kaj elipsoj sinsekve leviĝas kaj malleviĝas inter la plafono kaj la miregigitaj rigardoj de la ĉeestantaro. Tiu ĉi mirinda ludo daŭras kelkajn minutojn, poste ĝi finiĝas ĉe la piedoj de la direktantino.

Siavice la dua ekrano partoprenas en la spektaklo; ĝi ne moviĝas kun la fulma rapideco de aviadilo. Regate per la mano de Jozefino, ĝi brue kisas la vangon de s-ino Alexandre kaj disdonas en la ĉambro kelkajn florojn, kiujn dikaj, tre videblaj fingroj prenas el la

et les serrant contre le carton. Après un vol lourd et de moindre durée que le précédent, il revient à son point de départ.

Ensuite se présentent sucessivement des enfants désincarnés, bien connus : Lucien, Louis, Joseph, à la démarche vive, sautillante, portant l'écran à la hauteur des genoux. Ils vont à petits pas multiplier à la directrice leurs marques d'affection, puis se retirent.

Même, une entité inconnue tente quelques démonstrations à l'aide d'un écran ; mais ne rencontrant dans l'assistance aucun écho sympathique, elle remet bientôt l'instrument en place.

Cependant, l'inimaginable spectacle touche à sa fin : C'est le Commandant Campana qui va lui-même l'annoncer.

L'écran dont il se sert s'élève posément, passe devant le premier rang des chaises, d'une marche lente, avec la raideur d'un chef inspectant le front de sa troupe, monte au plafond de la salle. Alors une voix de basse superbe part du même point pour dire avec force : « *C'est fini ; êtes vous-content ?* »

*Deuxième Séance*

La réunion du 23 février comprend 11 figurants et 4 étrangers. Ses débuts sont marqués par les mêmes soins attentifs qui précèdent l'entrée en scène et par les mêmes recommandations protocolaires.

**LEVER DE RIDEAU.** — L'entité égyptienne ouvre son cabinet de consultation aux visions du médium Blaise, dicte ses ordonnances, et accueille avec satisfaction les expressions de gratitude et les félicitations de la directrice.

Ce samedi, comme d'ailleurs à tous les samedis de

korbo kaj premas ĉe la kartonon. Post peza flugado, malpli longe daŭrinta ol la antaŭa, ĝi revenas al la deira punkto.

Poste sinsekve prezentas sin senkorpiĝintaj infanoj, kiujn oni bone konas, Luciano, Ludoviko, Jozefo, kun vigla, saltetanta paŝmaniero, kaj levas la ekranon ĝis la alteco de la genuoj. Per malgrandaj paŝetoj ili iras kaj vidigas multajn signojn de amo al la direktantino, poste ili forretiriĝas.

Eĉ ia nekonata estaĵo provas fari kelkajn montraĵojn per ekrano; sed, ĉar ĝi renkontas en la ĉeestantaro neniun simpatiantan eĥon, ĝi baldaŭ remetas la ilon en ĝian lokon.

Tamen la neimagebla spektaklo estas tuj finiĝonta: batalionestro Campana mem tion anoncas. La ekrano, kiun li uzas, leviĝas kviete, pasas antaŭ la unuan vicon da seĝoj, per malrapida marŝado, kun la rigideco de militista estro, kiu inspektas la fronton de sia soldataro kaj supreniras al la plafono de la ĉambro. Tiam admirinda basvoĉo eligas el la sama loko kaj forte diras: « *Estas finite; ĉu vi estas kontentaj?* »

## *Dua Kunsido*

La kunveno de la 23-a de februaro enhavas 11 subaktorojn kaj 4 gastojn. Ĝi komenciĝas per la samaj atentoplenaj zorgoj preparantaj la eniron de la aktoroj, kaj per la samaj kvazaŭritaj konsiloj.

*ANTAŬSPEKTAKLO.* — La egiptana estaĵo malfermas sian konsultadkabineton al la vizioj de la mediumo Blaise, diktas siajn kuracordonojn kaj ricevas kun kontenteco la dankajn esprimojn kaj la gratulojn de la direktantino.

la période d'activité médiumnique, le thème de la représentation se déroulera dans des manifestations identiques. *Aussi pour éviter d'inutiles redites, je ne mentionnerai dorénavant que les faits de nature à grossir l'enrichissement de ma documentation.*

**PREMIER ACTE.** — Le phonographe a déclanché sa mélopée. Pendant les douze reprises qui précèdent l'entrée des acteurs, on entend le bruit d'un baiser : Madame Alexandre remercie.

Alors apparaît près du piano une lueur blanche fugace, se muant peu à peu en une forme plastique humaine. Je la vois à la même place, et sous le même angle que le 2 février, car j'occupe la même chaise. C'est bien Madeleine, dont la draperie blanche me semble aujourd'hui d'un ton plus adouci.

Sans hésitation elle se dirige vers ses parents qu'elle embrasse, offre quelques fleurs, puis, se plaçant à cinquante centimètres environ de ma chaise, lève à bout de bras au-dessus de sa tête la corbeille qu'elle tient toujours des deux mains. Ce large geste, rejettant la draperie sur le haut des épaules, découvre la chair et le modelé de ses bras nus. Après avoir laissé à l'assistance le temps d'observer cette attitude académique et déposé la corbeille sur le trépied, elle reprend sa place devant moi.

Pour se rendre compte de l'importance de l'incident qui va suivre, il faut savoir que, quelques heures avant la séance, j'avais prié mon aimable hôtesse de remettre un petit souvenir au médium, en reconnaissance de ses services absolument désintéressés.

Madeleine est donc aussi près de moi qu'une interlocutrice qui a quelque chose à dire. Alors de la voix d'une fillette de 6 à 7 ans, un peu rauque, elle prononce

Tiun ĉi sabaton, same kiel dum ĉiuj sabatoj de la mediumeca periodo, la temo de la prezentado disvolviĝos per samaj manifestadoj. *Tial, por eviti senutilajn redirojn, mi de nun citos nur la faktojn, kiuj estas tiaspecaj, ke ili povos pliriĉigi mian dokumentaron.*

*UNUA AKTO.* — La fonografo komencis sian unutonan arion. Dum la dekdu ariaj rekomencoj, kiuj antaŭiras la eniron de la aktoroj, oni aŭdas la bruon de iu kiso : sinjorino Alexandre dankas.

Tiam aperas apud la piano ia blanka nedaŭra eklumeto, kiu iom post iom ŝanĝiĝas en plastikan homan formon. Mi vidas ĝin en la sama loko kaj laŭ la sama vidangulo, kiel dum la dua de februaro, ĉar mi okupas la saman seĝon. Tio estas ja Magdaleno, kies blanka drapiraĵo ŝajnas al mi hodiaŭ iom pli mildkolora.

Senhezite ŝi iras al la gepatroj, kiujn ŝi kisas, prezentas kelkajn florojn, kaj lokante sin je ĉirkaŭe kvindek centimetroj de mia seĝo ŝi levas per etenditaj brakoj super sian kapon la korbon, kiun ŝi ĉiam tenas per ambaŭ manoj. Tiu ĉi larĝa gesto, repuŝante la drapiraĵon sur la supron de la ŝultroj, senvualigas la karnon kaj la reliefaron de ŝiaj nudaj brakoj. Lasinte sufiĉan tempon al la ĉeestantaro por observi tiun ĉi artistan pozon kaj metinte la korbon sur la tripiedon, ŝi reokupas sian lokon antaŭ mi.

Por kompreni la gravecon de la tuj sekvonta okazaĵo, oni bezonas sciiĝi, ke, kelkajn horojn antaŭ la kunsido, mi petis, ke mia afabla gastigantino bonvolu transdoni, komisie de mi, ian memordonaceton al la mediumo, kiel ateston de danko pro liaj tute senprofitaj servoj.

Do Magdaleno staras tiel proksime apud mi, kiel interparolantino, kiu deziras ion diri. Tiam, kun la voĉo de ses-aŭ sepjara knabineto, iom raŭke, ŝi pronon-

très distinctement ces paroles entendues de toute la salle : « *Monsieur, je viens vous remercier pour le médium.* »

**DEUXIÈME ACTE.—Jeu des écrans.** Il est beaucoup moins brillant que le précédent. Le vol d'hirondelle de l'esprit Paquin ne s'est pas produit, pas plus que les gambades des enfants Lucien, Louis, Joseph. Des inconnus sont venus agiter les écrans, mais n'ont pu témoigner de leur identité. Seule, l'intervention du Maître de la troupe relève l'intérêt final.

Son écran s'élève à deux mètres environ, dévisage le premier rang des spectateurs et pique tout droit vers la porte d'entrée du salon où se tient debout un jeune militaire chargé du jeu des lumières. Derrière nous, une voix de basse-taille l'apostrophe d'un ton protecteur : « *C'est bien, Bleusaille, tu seras récompensé.* » Puis l'écran revient devant nous, au-dessus du piano pour clore la représentation par les paroles fatidiques, « *C'est fini, êtes-vous content ?* »

*Troisième Séance*

Les manifestations transcendantes auxquelles il m'avait été donné d'assister avaient exaspéré mon légitime désir de sonder plus avant le mystère fantômal ; c'est pourquoi je sollicitai du Commandant Campana un nouveau rendez-vous ; d'un commun accord il fût fixé au 17 Mai. Aussi quelle ne fut pas ma surprise de trouver dans le courrier du 12 du même mois une lettre ainsi conçue :

« Mantes le 11 Mai 1924.

« Cher Monsieur,

« Hier (Samedi 10 Mai), séance nulle, absolument « nulle. Notre cher Maître nous a dit : « *Les Esprits sont*

cas tre klare la jenajn vortojn, kiujn la tuta ĉeestantaro bone aŭdas : « *Sinjoro, mi venas por danki al vi pro la mediumo.* »

*DUA AKTO. — Moviĝo de la ekranoj.* Ĝi estas multe malpli rimarkinda ol la antaŭa. La hirunda flugado de la spirito Paquin ne okazis, nek ankaŭ la petolaj saltetoj de la infanoj Luciano, Ludoviko, Jozefo. Iuj nekonatoj venis kaj svingis la ekranojn, sed ne kapablis atesti sian memecon. Nur la partopreno de la aktorarestro iom plivigligas la finan intereson.

Lia ekrano leviĝas ĝis ĉirkaŭe du metroj, ŝajnas esplore fikse rigardi la unuan vicon de la ĉeestantoj kaj sin direktas rekte al la juna soldato, kiu estas komisiita pri la manovrado de la lumoj. Malantaŭ ni, ia basvoĉo alparolas al li per tono de protektanta superulo : « *Bone,* » *Bleusaille,* « *ci estos rekompencata.* » Poste la ekrano revenas antaŭ nin, super la pianon, kaj fermas la prezentadon per la kutimaj vortoj : « *Estas finite ; ĉu vi estas kontentaj ?* »

*Tria Kunsido*

La transcendaj manifestadoj, ĉe kiuj mi havis la feliĉon ĉeesti, ekscitegis mian pravigitan deziron esplori pli profunde la fantoman misteron ; tial mi petis de la batalionestro Campana novan rendevuon, kiu, laŭ reciproka interkonsento, estis fiksita je la 17-a de majo. Pro tio, mi estis ege surprizita, ricevinte en mia korespondaĵaro de la 12-a de la sama monato la jenan leteron :

« Mantes, la 11-an de majo 1924.

« Kara Sinjoro !

« Hieraŭ, sabaton (10-an de majo) kunsido nula,
« absolute nula. Nia kara Majstro diris al ni : « La
« spiritoj estas incitegitaj por la parlamentaj balotelek-

« *surexcités à cause des élections, ce qui attire une* « *foule de mauvais Esprits. Samedi prochain (17 Mai)* « *sera semblable. Je conseille à M. Thiébault de remet-* « *tre son voyage à Juin le Samedi qu'il voudra ; sa place* « *sera toujours marquée.* » Ma commission est faite....

« Paul Alexandre. »

Il convient de remarquer que si l'imminence des élections législatives avait bouleversé les courants pyschiques de la réunion du 10 Mai, tout au contraire, la séance du 3 du même mois avait été, au dire de Madame Alexandre, aussi remarquable que les précédentes.

Ce contre-temps retarda mon déplacement jusqu'au 7 juin suivant ; et, comme on le verra plus loin, je n'eus qu'à m'en féliciter.

**LEVER DE RIDEAU**. — Les visions du médium Blaise en état de veille continuent les conseils médicaux antérieurs et se terminent par les mêmes actions de grâces, en présence de 13 figurants et de 5 étrangers.

**PREMIER ACTE**. — Le phonographe obéit au signal des trois coup frappés. Le cantique à peine commencé, la voix grave du Commandant Campana prononce ces paroles devant moi. « *A cet ami de la science, je lui adresserai deux mots après la séance.* » Cette promesse m'intrigue. En réalité, pour l'esprit Campana, je ne suis qu'un visiteur de passage ; il ne m'a jamais connu ; quelle page de mon passé va-t-il faire revivre ?

A la huitième répétition musicale, les rideaux du cabinet noir s'entrouvent et laissent passer pour rentrer presque aussitôt la tête bien dessinée de Madeleine. A la différence des séances des 2 et 23 février dernier, au cours desquelles le fantôme se constituait près du piano, sous les yeux du public, la condensation des éléments matériels s'opère aujourd'hui dans le secret du cabinet noir.

« toj, kaj tio altiras amason da malbonaj spiritoj. La « sekvontan sabaton estos simile. Mi konsilas al s-o « Thiébault, ke li prokrastu sian vojaĝon ĝis junio, je « la sabato, kiu konvenos al li ; lia loko estos ĉiam « rezervita » « Mi plenumis mian komision........

P. Alexandre.

Estas rimarkinde, ke kvankam la baldaŭeco de la parlamentaj balotelektoj konfuzegis la psikajn fluojn de la kunsido de la 10-a de majo, tamen, kontraŭe, la kunsido de la 3-a de la sama monato estis, laŭ diro de s-ino Alexandre, tiel atentinda kiel la antaŭaj.

Tiu ci malhelpaĵo prokrastigis mian vojaĝon ĝis la 7-a de junio, sed, kiel oni pli poste vidos, mi povis nur tion malbedaŭri.

*ANTAUSPEKTAKLO.* — La vizioj de la mediumo Blaise en stato de maldormo pluigas la antaŭajn kuracajn konsilojn kaj finiĝas per la samaj dankoj, en ĉeesto de 13 duonaktoroj kaj 5 gastoj.

*UNUA AKTO.* — La fonografo obeas la signalon de la tri frapoj. Apenaŭ komencas la kantiko, jen la malakuta voĉo de la batalionestro Campana prononcas antaŭ mi la sekvantajn parolojn : « *Al tiu ĉi sciencamanto mi diros kelkajn vortojn post la kunsido.* » Tiu ĉi promeso scivoligas min. Efektive mi estas nur pasanta vizitanto por la spirito Campana, li neniam interkonatiĝis kun mi ; kian paĝon el mia pasintaĵo li revivigos ?

Ĉe la oka ripetado de la moziko, la kurtenoj de la senluma kabineto duonmalfermiĝas ; inter ili elŝoviĝas kaj preskaŭ senprokraste reeniĝas la klare konturita kapo de Magdaleno. Diference de la kunsidoj de la 2-a kaj de la 23-a de lasta februaro, dum kiuj la fantomo konsistiĝis apud la piano, sub la rigardoj de la ĉeestantaro, hodiaŭ la plidensiĝo de la materiaj elementoj efektiviĝas en la malpublikeco de la senluma kabineto.

Après quelques nouvelles hésitations causées sans doute par l'intensité de la lumière rouge, Madeleine se libère du voisinage du médium, vient prendre la corbeille de fleurs placée sur une petite table à o m. 80 de ma chaise, et, sans prendre garde à ma présence, en offre à mes voisins de droite et de gauche ainsi qu'aux assistants des deux premiers rangs. Qu'ai-je donc fait pour être l'objet d'un oubli qui a toutes les apparences d'une disgrâce ?

Cependant la céleste actrice replace sur la table la corbeille de fleurs, rentre dans le cabinet noir pendant quelques secondes, en sort, prend une fleur et me la remet en évitant le contact de ma main. Pour la troisième fois, elle se dérobe à nos regards près du médium, soit pour y puiser un regain d'énergie, soit pour y recevoir un ordre. Le quittant bientôt d'un pas alerte, une nouvelle fleur à la main droite. tenant de l'autre un des écrans phosphorescents qu'elle a rapidement saisi, elle vient s'immobiliser à mes pieds.

A cet instant inoubliable, sa tête me domine, ma pensée chavire d'émoi ; quel geste inattendu va-t-elle tenter ?

*Alors, tandis que de sa main droite Madeleine m'offre une rose blanche et que de sa gauche elle s'éclaire à hauteur d'épaule, je la vois, les yeux dans les yeux, le visage souriant, indifférente au public haletant qui suit ses moindres gestes, s'incliner peu à peu, puis déposer lentement sur mon front deux baisers dont j'entendais en même temps le léger bruit.*

*Ces baisers étaient frais, chauds, légèrement humides.*

Madeleine se redresse avec le même calme, touche par quatre fois d'un mouvement précipité de la main

Post kelkaj novaj ŝanceliĝoj, verŝajne kaŭzitaj de la intenseco de la ruĝa lumo, Magdaleno liberiĝas el la najbareco de la mediumo, venas kaj prenas la korbon da floroj metitan sur tableto je okdek centimetroj de mia seĝo kaj, neatentante mian ĉeeston, prezentas florojn al miaj dekstraj kaj najbaroj maldekstraj kaj ankaŭ al la ĉeestantoj de la du unuaj vicoj. Kion do mi pekis ? Kion pekinte mi estas punata per forgeso, kiu tute similas malfavoriĝon ?

Tamen la ĉiela aktorino remetas sur la tablon la korbon da floroj, reeniras en la senluman kabineton dum kelkaj sekundoj, eliras el ĝi, elprenas iun floron kaj enmanigas ĝin al mi, evitante la kontakton de mia mano. Triafoje ŝi malaperas apud la mediumom, ĉu por tie ĉerpi novan energion, ĉu por ricevi ordonon. Baldaŭ ŝi forlasis lin per vigla paŝado, kaj, tenante alian floron en la dekstra mano kaj per la madekstra unu el la fosforlumaj ekranoj, kiun ŝi rapide kaptis, ŝi venas kaj senmoviĝas ĉe miajn piedojn.

En tiu ĉi neforgesebla momento ŝia kapo superstaras al mi, pro emociego mia pensado konfuziĝas. Kian neatenditan geston ŝi estas tuj provonta ?

*Tiam, dum per la dekstra mano Magdaleno prezentas al mi blankan rozon kaj per maldekstra sin lumigas ĉe alteco de la ŝultroj, mi vidas ŝin, kun rigardo kontraŭ rigardo, kun ridelanta vizaĝo, neatentante la mirspiregantan publikon, kiu observas ŝiajn eĉ plej malgrandajn gestojn, iom post iom kliniĝi kaj malrapide meti sur mian frunton du kisojn, kies malfortan brueton mi samtempe estis aŭdanta.*

*Tiuj ĉi kisoj estis freŝaj, varmetaj, iom malsekaj.*

Poste Magdaleno restariĝas kun sama kvieteco, tuŝas kvarfoje per rapidega movado de la dekstra mano

droite les quatre doigts de la mienne et retourne au cabinet noir.

Nous la voyons reparaître une dernière fois, s'asseoir sur la banquette face aux spectateurs, disposer harmonieusement les plis de sa robe, appeler ses parents à ses côtés. Elle parle, mais l'émission des sons de la voix est étouffée, à peine entendue. Ce sont les adieux ; elle les embrasse, puis se retire.

**DEUXIEME ACTE.** — Le jeu des écrans s'exécute avec la dextérité et l'élégance des plus belles soirées, mais il est de moindre durée.

Celui du Commandant procède à son inspection habituelle après laquelle il plane au-dessus de moi et s'exprime en ces termes : « *Remerciez cet être de la nature qui* « *travaille pour vous et pour nous ; vous comprenez,* « *Madame. Son nom passera dans les archives, on* « *viendra le voir.* » Ensuite il clôt la séance par ces mots invariables : « *C'est fini, êtes-vous content* ?

Ces paroles sibyllines demandent quelques explications. Convaincu de la renaissance de la vie organique chez les fantômes et de la possibilité de mon retour Ici-Bas à l'appel médiumnique, quand j'aurai franchi le seuil de l'Au-Delà, j'ai effectué en 1917 le dépôt de mes empreintes digitales aux archives de l'Institut Métapsychique International de Paris. C'est à ce dépôt, connu seulement de mes intimes, que l'Esprit fait allusion ; et, les expressions « *on viendra le voir* », complétant sa pensée, prophétisent la réalisation du plus ardent de mes désirs.

*Quatrième Séance*

La session psychique Mantaise de Septembre-Octobre est ouverte avec ses spectacles du samedi et les mêmes péripéties scéniques : consultations médicales,

kvar fingrojn de mia mano kaj reiras en la senluman kabineton.

Lastfoje ni vidas ŝin reaperi, sidiĝi sur la benketon kontraŭvizaĝe al la rigardantoj, harmonie aranĝi la faldojn de sia robo, voki siajn gepatrojn al siaj flankoj. Ŝi parolas, sed la sonoj de ŝia voĉo estas subpremataj, apenaŭ aŭdeblaj. Tio estas la adiaŭdiroj ; ŝi kisas la gepatrojn kaj retiriĝas.

*DUA AKTO.* — La moviĝo de la ekranoj fariĝas kun tiom da lerteco kaj eleganteco, kiom dum la plej sukcesaj kunsidoj, sed ĝi estas malpli longtempa.

La ekrano de la batalionestro plenumas la kutiman revizian inspektadon, poste ĝi ŝvebas super mi kaj jene parolas : « *Esprimu vi dankon al tiu ĉi natura estaĵo, kiu laboras por vi kaj por ni; vi komprenas, sinjorino. Ĝia nomo konserviĝos en la arĥivoj, oni venos por vidi ĝin.* » Poste li fermas la kunsidon per la senŝanĝaj vortoj : « *Estas finite ; ĉu vi estas kontentaj ?*

Tiuj ĉi orakolaj paroloj postulas kelkajn klarigojn : ĉar mi estas konvinkita, ke la organika vivo renaskiĝas ĉe la fantomoj kaj ke mia tiena surtera reveno estos ebla per mediuma alvoko post kiam mi estos transpasinta la sojlon de la postmorta mondo, mi deponis dum la jaro 1917 miajn fingrajn premsignojn en la arĥivejo de la Parisa Internacia Metapsika Instituto. Tiun deponadon, kiun nur miaj intimuloj konis, aludis la spirito, kaj la vortoj : « *oni venos por vidi ĝin* », kiuj kompletigas lian pensaĵon, profete antaŭdiras la efektiviĝon de la plej fervora el miaj deziroj.

*Kvara Kunsido*

La septembr-oktobra psika kunsidaro en Mantes malfermiĝis kun siaj sabataj spectakloj kaj kun la samaj scenaj okazoj : kuracistaj konsultadoj, materiiĝoj, ludo

matérialisations, jeu des écrans. Aussi mon récit prendra-t-il de plus en plus la sèche allure d'un carnet de bord, sans omettre toutefois de reproduire textuellement le langage des mystérieux acteurs, tout autant que la luminosité me permettra de le noter.

Le mois dernier, interrogée sur l'opportunité de mes déplacements, l'une de mes plus lucides visionnaires m'avait dit : « *le 13 Septembre vous aurez à Mantes* « *quelque chose de nouveau ; abstenez-vous le 27 :* « *votre présence est plus utile ailleurs et retournez* « *voir Madeleine dans la dernière quinzaine d'Octobre,* « *car votre période de recherches expérimentales n'est* « *pas close.* »

Autre appel plus précis le 26 Août que m'a transmis un médium à incorporation. Il vient, dit-il, d'Allan-Kardec, le protecteur du groupe Alexandre, qui s'exprime ainsi à mon sujet : « *Je poserai l'écran sur son* « *front par trois fois et devant son visage je l'éclairerai* « *de ma clarté.* »

Ces promesses ont été tenues, à la séance du 13 Septembre, à laquelle j'assistais avec 3 étrangers et 13 figurants.

Des circonstances indépendantes de ma volonté ne m'ayant pas permis de préparer des papiers enfumés, j'avais, dans l'espoir d'obtenir de la grande artiste une mèche de cheveux et une pensée, déposé près de la corbeille de fleurs, des ciseaux, un stylographe et une feuille de papier portant cette supplique à l'encre : « *M. Thiébault prie l'Esprit Madeleine d'avoir la* « *grande amabilité de lui donner une mèche de ses* « *cheveux et sa signature, avec, si possible, une pen-* « *sée.* »

Cependant, la soirée s'annonçait mal ; la transe du

de la ekranoj. Tial mia raporto pli kaj pli similiĝos al seka navigacia registraĵo, tamen mi ne preterlasos laŭvorte reprodukti la parolaĵojn de la misteraj agantoj laŭ tio, kiel mi povos pro la eta lumeco noti ilin.

La antaŭan monaton, unu el miaj plej klarvidaj viziulinoj, kiun mi demandis pri la laŭceleco de miaj voyaĝoj, estis respondinta al mi : « *La dektrian de septembro vi spertos en Mantes ion novan ; ne iru tien la dudeksepan, ĉar via ĉeesto estos pli utila aliloke, sed iru denove por vidi Magdalenon dum la dua duonmonato de oktobro, ĉar via periodo da eksperimentaj esploroj ne estas finita.* »

Alian pli precizan alvokon transdonis al mi la dudeksesan de aŭgusto iu mediumo por reenkorpiĝoj. La alvoko, li diras, devenas el Allan-Kardec, protektanto de la grupo « Alexandre », kiu pri mi jene parolas : « *Mi metos la ekranon trifoje sur lian frunton kaj antaŭ lian vizaĝon, mi lumigos lin per mia klarlumo.* »

Tiuj ĉi promesoj estis plenumitaj dum la kunsido de la dektria de septembro, ĉe kiu mi ĉeestis kun tri gastoj kaj dektri neparolantaj subaktoroj.

Pro tio, ke cirkonstancoj, kiuj ne dependis de mia volo, ne permesis, ke mi preparu fumoŝmiritajn paperojn, esperante, ke la granda aktorino konsentos doni al mi fasketon da kapharoj kaj memorigan penson, mi estis metinta apud la korbon da floroj tondilon, fontoplumon kaj folion da papero, sur kiu estis skribita per inko la jena peto : « *S-o Thiébault petas la spiriton Madeleine, ke ŝi estus tiel afabla kaj donacu al li fasketon el ŝiaj kapharoj kaj ŝian subskribon kun ia penso, se eble.* »

Tamen la vespera kunsido antaŭmontriĝis kiel malsukcesa : la tranzo de la mediumo estis ripetfoje malhelpata

médium était fréquemment troublée par des quintes de toux. L'action fluidique finit toutefois par l'emporter.

**PREMIER ACTE.** — A la sixième répétition du morceau musical, Madeleine, qui s'est matérialisée dans le cabinet noir, se montre à demi, tantôt à droite, tantôt entre les deux rideaux, dans l'alternance fantaisiste du jeu de cache-cache. Puis elle aborde franchement la scène en envoyant de la main droite des baisers sonores à l'assistance. C'est maintenant la distribution de fleurs, où, en réparation d'un précédent oubli, elle me sert le premier.

La corbeille à peine reposée, j'entends le crissement d'une plume sur le papier sans pouvoir découvrir la main qui tenait le stylographe.

Ce soir-là, Madeleine, s'affranchissant du cérémonial protocolaire de la troisième séance (7 Juin 1924), prodigue ses baisers ; j'en reçois trois, mon voisin de gauche deux, deux encore à un membre déserteur du groupe, rentré ce soir en enfant prodigue.

Ces baisers étaient ceux d'une fillette embrassant son grand-père avant d'avoir fait sa toilette ; elle n'était pas coiffée et j'ai senti en même temps que ses lèvres fraîches et chaudes, sa chevelure en désordre encadrer mon front et mes joues.

L'artiste eut ensuite la coquetterie de nous faire admirer à l'aide des deux écrans, l'éclat et la ténuité de sa robe, qui semblait tissée de « fils de la Vierge. »

Enfin, elle alla s'asseoir sur la banquette en invitant ses parents à venir l'embrasser ; puis, tournant le dos à l'assistance, elle égréna pendant toute la soirée des notes sur le piano.

Dans cette séance n'ont paru ni la main de l'Egyptien, ni le fantôme de Joséphine Blaise ; Madeleine pro-

de ektusegoj, tamen la fluideca aktiveco fine venkis.

*UNUA AKTO.* — Ĉe la sepa ripetado de la muzikaĵo, Madeleine, kiu materiiĝis en la senluma kamero, sin duone montras, iam dekstre, iam inter la du kurtinoj, kun la kaprica alterneco de kaŝludo. Poste ŝi senhezite eniras en la scenejon, sendante per la dekstra mano sonorajn kisojn al la ĉeestantaro. Poste fariĝas la disdonado de floroj, kaj, kompensante antaŭan forgeseton, ŝi donprezentas al mi unue.

Apenaŭ la korbo estas relokita sur la tableton, mi aŭdas la knaradon de plumo sur la papero, ne povante ekvidi la manon kiu tenas la fontoplumon.

Tiun ĉi vesperon Madeleine, liberigante sin el la etiketa ceremoniaro de la tria kunsido (7 junio 1924), malavare disdonas siajn kisojn : trion da ili mi recevas, duon mia maldekstra najbaro duon ankaŭ ia malkonstanta ano, kiu hodiaŭ vespere revenis en la grupon kvazaŭ la erarinta filo.

Tiuj ĉi kisoj similis je tiuj de knabineto, kiu kisas sian avon antaŭ ol ŝi tualetas ; ŝi ne aranĝis siajn kapharojn, kaj mi sentis, samtempe, kiel ŝiajn freŝajn kaj varmajn lipojn, ŝian senordan kaphararon, kiu ĉirkaŭis mian frunton kaj miajn vangojn.

Poste la aktorino montris sin koketa kaj, uzante ambaŭ ekranojn, igis nin admiri la brilecon kaj la maldikecon de sia robo, kiu ŝajnis kvazaŭ teksita el araneaĵoj.

Fine ŝi iris kaj sidiĝis sur la benketon petante, ke la gepatroj venu apud ŝin kaj ŝin kisu ; poste, turnante la dorson al la ĉeestantaro, ŝi dum la tuta vespero frapis unuopajn notojn sur la piano.

Dum tiu ĉi kunsido aperis nek la mano de la egiptano nek la fantomo de Joséphine Blaise ; Madeleine eligis malmultajn parolojn per raŭka, preskaŭ nekomprenebla voĉo.

nonça quelques paroles d'une voix rauque presque inintelligible.

**DEUXIÈME ACTE**. Écrans. — Inconnus et familiers de la maison se succèdent sans arrêt. Celui de Joséphine me caresse le front ; sur le bord supérieur se forme instantanément l'index matérialisé d'une main que je saisis ; c'est toujours la peau rugueuse de la maraîchère. Ce doigt ne fond pas, il se retire avec une certaine force.

C'est ensuite l'écran d'Allan-Kardec qui se dirige franchement vers ma chaise et me frappe trois fois, non pas le front, mais les mains, ainsi qu'il l'avait annoncé, pour se faire reconnaître.

En dernier lieu s'élève majestueux l'écran du Commandant Campana qui nous adresse d'une voix un peu étranglée de longues remontrances.

Voici quelques passages textuels pris à la seule lumière de l'écran : « *Il y a encore des incrédules ; ces* « *incrédules n'auront qu'à rester chez eux ou nous les* « *sortirons, sans quoi tout est bien dans l'ambiance.* »

L'écran s'étant porté au-dessus de ma chaise, la voix continue :

« *Très peu ressemblent à ce monsieur, je suis* « *obligé de vous le dire. En voilà un bon, un ami ; c'est* « *un spirite : prenez exemple sur lui. Si vous avez des* « *doutes vous pourrez rester chez vous. Ce n'est pas* « *ici une salle de spectacle.* »

L'écran et la voix viennent ensuite s'immobiliser devant Madame Alexandre, qui prie le Commandant d'autoriser Madeleine à me donner une mèche de ses cheveux.

« *Demandez et vous recevrez, réplique-t-il, c'est* « *peut-être un don comme celui qu'elle a fait pour vous.*

*DUA AKTO. — La ekranoj.* Nekonatuloj kaj kutimaj hejmaj amikoj senĉese vicevenas. La ekrano de Jozefino karesas mian frunton ; sur la supra rando unumomente formiĝas la materiiĝinta montrofingro de ia mano, kiun mi kaptas ; tio estas ankoraŭ la malglata haŭto de la legomkulturistino. Tiu ĉi fingro ne disfandiĝas, sed sin retiras kun iom da forteco.

Jen poste la ekrano de Allan Kardec, kiu senhezite sin direktas al mia seĝo kaj trifoje frapas ne mian frunton, sed miajn manojn, same, kiel li anoncis, por ke oni rekonu lin.

Fine laste majeste suprenleviĝas la ekrano de la batalionestro Campana, kiu per iom sufokata voĉo alparolas al ni longain riproĉ-admonojn.

Jen kelkaj laŭvortaj pecoj, kiujn mi notis ĉe la nura lumo de la ekrano : « *Estas enkoraŭ nekredantoj ; tiuj nekredantoj devas resti en sia domo ; se ne, ni elpuŝos ilin ; krom tio, ĉio estas konvena en la medio.* »

La ekrano transportiĝas super mian seĝon, kaj la voĉo daŭrigas : *Tre malmultaj similas tiun ĉi sinjoron, mi estas devigata diri tion al vi ; li estas ja bonintenculo, li estas ja amiko ; li estas ja vera spiritisto, sekvu vi lian ekzemplon ! Se vi konservas dubojn, vi restus en via domo Tie ĉi ne estas teatra salono.* »

Poste la ekrano kaj la voĉo transiras kaj haltas senmove antaŭ sinjorino Alexandre, kiu petas, ke la batalionestro permesu, ke Madeleine donu al mi fasketon el siaj kapharoj.

*« Petu vi kaj vi ricevos ! »* li respondas, *« tio eble estas donaco simila al tiu, kiun ŝi donis por vi. Mi*

« *Je crois le degré passé, elle reviendrait*; *enfin rap-*
« *pelez-moi cela.* »

On lui pose enfin cette question : Allan-Kardec est-il venu ? « *En effet, répond-t-il, je crois qu'il est venu* « *et qu'il a signé.* » puis prenant un ton doctoral : « *Ne* « *vous laissez pas influencer, Madame. Il faut lutter* « *très fort contre les entourages qui veulent vous briser.* « *Vous êtes au courant de ce qui se passe. Je ferai* « *mon possible pour vous aider. Et vous persisterez,* « *Madame. Apprenez que la vertu donne la force à* « *l'esprit. Nous ne pouvons pas toujours : il faut* « *peiner de longues heures.* »

« *Bonsoir. Êtes-vous content ? Faites lumière.* »

Sitôt la lumière faite, j'examine la feuille de papier déposée près de la corbeille de fleurs et du stylographe, et sur laquelle j'avais entendu, au début de la séance, le crissement d'une plume. Elle portait dans le sens longitudinal à travers mes lignes ces quatre mots manuscrits : « *Je respecte votre bienveillance* », suivis de la signature Allan Cardec, phrase qui n'était compréhensible que pour les personnes ayant assisté à une séance antérieure assez tumultueuse donnée le même jour par le médium à incorporation.

La substitution de la lettre C à la lettre K dans le mot : « Kardec » rendait cette signature apocryphe. Elle devint indéniable quand je la rapprochai de la reproduction photographique de la signature du grand Maître du Spiritisme.

D'autre part, au regard de la graphologie, l'écriture inconnue, cursive d'écrivain, émane d'un homme de 40 ans, de stature solide, sensible, volontaire, tenace, atteint peut-être d'une infirmité.

Du moins, une chose est certaine : c'est l'invraisem-

*kredas, ke la grado estas transpasita ; ŝi revenus ; fine, rememorigu vi tion al mi.* »

Fine oni demandas lin, ĉu Allan Kardec venis. « *Efektive,* » *li respondas,* « *mi kredas, ke li venis kaj subskribis.* » Poste, per doktora tono : « *Ne lasu vin influi, sinjorino. Vi devas forte kontraŭbatali la ĉirkaŭaĵojn, kiuj deziras frakasi vin. Vi estas plene informita pri tio, kio fariĝas. Mi faros ĉion eblan por helpi al vi. Kaj vi persistos, sinjorino. Vi devas sciiĝi, ke virto donas forton al la spirito. Ni ne ĉiam povas ; oni devas peni dum longaj horoj. Bonan vesperon, ĉu vi estas kontentaj ? Vi lumigu.* »

Apenaŭ lumo fariĝis, tuj mi ekzamenas la folion da papero metitan apud la korbo da floroj kaj la stilografo, kaj sur kiu mi estis aŭdinta, ĉe la komenco de la kunsido, la knaradon de ia plumo. Ĝi surhavis la jenajn kvar vortojn mane skribitajn laŭ la longeco tratranĉante miajn liniojn : « *Mi respektas vian bonvolon.* » Tiu ĉi frazo, kiun sekvis la subskribo de Allan Cardec, estis komprenebla nur por la personoj, kiuj ĉeestis iom tumultan kunsidon faritan de la reenkorpiganta mediumo dum la sama tago.

La anstataŭigo de la litero K en la vorto « Kardec » per la litero C kredigis tiun subskribon malaŭtentika ; sed ĝi fariĝis ja tute sendube malaŭtentika, kiam mi komparis ĝin al la fotografaĵo de la subskribo de la granda majstro de la spiritismo.

Aliflanke, laŭ la vidpunkto de la grafologio, la nekonata skribado, montrante la rapidan skribmanieron de homo multe skribanta, certe devenas el viro kvardekjara, de fortika staturo, facile impresebla, voloforta, obstina, eble iel kripla.

Almenaŭ unu afero estas certa, tio estas la malverŝajneco de ia ajn trompo artifikita de la mediumo, ĉar

blance de toute fraude de la part du médium ; les préparatifs de l'expérience lui étaient cachés ; près de ma chaise, le moindre mouvement l'aurait trahi ; comment d'ailleurs aurait-il pu faire allusion à une discussion orageuse qu'il ignorait, et à laquelle j'étais loin de songer en demandant l'intervention de Madeleine ? Donc, pas d'hypothèse de lecture de pensée.

Sur ce point l'enquête reste ouverte. Mais dans la soirée du lendemain, j'eus, en un cercle privé, l'occasion de rencontrer une entité se donnant le nom de Campana, et de lui demander quelques explications :

? *Pourquoi n'ai-je pas obtenu une mèche des cheveux de Madeleine.*

— *Il y a un degré de puissance, degré libre qu'il faut atteindre et maintenir dans la constitution du fantôme.*

(Cette hypothèse d'une insuffisance de vibrations de la matière expliquerait l'éraillement très accusé des voix de Campana et de Madeleine à la séance de la veille).

? *Quand puis-je espérer les empreintes digitales.*

— *A la deuxième séance de la dernière quinzaine d'Octobre.*

? — *L'Esprit qui a signé hier « Allan Cardec » par un C a commis une erreur de lettres ; quelle en est la cause.*

— *Nous avons besoin d'intermédiaires et de vous ; mais près de la zone terrestre nous faisons de fausses écritures. Notre voix est de même en empruntant la vôtre.* (Allusion à l'éraillement de sa voix et de celle de Madeleine dans la séance d'hier).

? — *Quels beaux phénomènes nous réservez-vous.*

— ........................... (Sur sa réponse, le guide Campana m'impose « un silence absolu » à raison

la preparaĵoj de eksperimento estis kaŝitaj al li kaj ĉar li sidis proksime je mia seĝo, eĉ plej malgranda moveto estus perfidinta lin. Cetere kiamaniere li estus povinta aludi iun malserenan diskuton, kiun li ne konis kaj pri kiu mi tute ne pensis, kiam mi petis la helpan partoprenon de Madeleine ?

Sekve ne estis akceptebla supozo pri ia legado de penso. Pri tiu ĉi punkto la esploro restas nefinita. Tamen, dum la morgaŭa vespero, mi okaze renkontis ian estaĵon, kiu donis al si la nomon Campana, kaj mi petis de ĝi kelkajn klarigojn :

« *Kial mi ne sukcesis ricevi tuĵon el la kapharoj de Madeleine ?* »

— « *Estas ia grado de potenco, ia libera grado, kiun oni devas atingi kaj konservi ĉe la konsistigo de la fantomo.* »

(Tiu ĉi hipotezo pri nesufiĉeco de la vibradoj de la materio komprenigus la tre senteblan raŭkecon de la voĉoj de Madeleine kaj de Campana ĉe la antaŭtaga kunsido.)

*?* « *Kiam mi povas esperi ricevi la fingrajn premsignojn* »

— « *Ĉe la dua kunsido de la lasta oktobra duonmonato.* »

*?* « *La spirito, kiu hieraŭ subskribis* » *Allan Cardec,* « *faris litereraron ; kio estas la kaŭzo de tiu ĉi eraro.* »

— « *Ni bezonas perantojn kaj vin ; sed proksime je la tera zono ni skribas falsajn skribojn. La samo estas pri nia voĉo, kiam ni prunteprenas la vian.* » (Aludo al la raŭkeco de lia voĉo kaj de la voĉo de Madeleine dum la hieraŭa kunsido.)

*?* « *Kiajn belajn fenomenojn vi rezervas al ni* »

— . . . . . . . . . . . . . . . . . (Pri lia respondo la gvidanto Campana trudordonas al mi « absolutan prisilentadon » pro « la malfacileco » de la operacio kaj

de la « difficulté » de l'opération et d'un « ratage possible ». Toutefois, pour assurer en cas de succès l'authenticité de cette prémonition, je l'ai transmise le 22 Septembre sous pli cacheté au Directeur de la Revue Spirite Belge.

*? — Donnez-moi avant de nous quitter une pensée philosophique.*

*— VIVEZ DANS LE DOUTE SCIENTIFIQUE SOUTENU PAR LA FOI, DANS L'ACCORD DE LA RECHERCHE ET DE LA PRIÈRE. Le saint nom de Dieu vous protège, moi aussi. Vous serez heureux.*

**Union de la science et de la religion,** telle est la devise de l'Esprit Campana. Puisse-t-elle éclairer tous ceux qui cherchent la solution du problème de la destinée, capital pour l'humanité.

*Cinquième Séance*

Pour la première fois et sans raison avouée, le guide Campana au cours d'une réunion privée antérieure de quelques jours, fit reporter au Lundi 27 Octobre la séance publique du samedi précédent ; pour la première fois aussi, sitôt les consultations médicales terminées, il nous fait pressentir, ce jour-là, quelques moments d'émotion : « *Vous avez bonne ambiance,* dit-il ; *mais, séance très pénible.* »

*PREMIER ACTE.* — Répétition du thème déjà décrit, précédé d'une transe plus lente et plus opprimante du médium.

Dès la troisième reprise du cantique, voici, formée de pied en cap, la grande actrice sortant du cabinet noir, et promenant parmi l'assistance de figurants et d'étrangers la corbeille de chrysanthèmes blancs dont tout d'abord elle a longuement respiré le vague parfum.

« ebla malsukceso. » Tamen por certigi, en okazo de sukceso, la aŭtentikecon de tiu ĉi antaŭsciigo, mi transsendis ĝin la dudekduan de septembro sub sigelita koverto al la Direktoro de la Belga Spiritista Revuo.)

*« Donu al mi, antaŭ via foriro, filozofian penson ! »*

— *VI VIVU EN LA SCIENCA DUBADO APOGATA DE LA KREDO, AKORDIGANTE LA SERĈESPLORON KAJ LA PREĜON. La sancta nomo de Dio protektas vin, kaj mi ankaŭ. Vi estos feliĉa.*

**Kunigo de scienco kaj religio**, tia estas la devizo de la spirito Campana. Dezirinde estas, ke ĝi gvidu ĉiujn, kiuj serĉas la solvon de la problemo pri la homa destino, kiu estas gravega por la homaro.

*Kvina Kunsido*

Unuafoje kaj pretekstante nenian kialon, la gvidanto Campana dum iu privata kunveno, okazinta kelkajn tagojn antaŭe, igis prokrasti ĝis la lundo 27-a de oktobro la publikan kunsidon de la antaŭa sabato ; unuafoje ankaŭ tuj post la finiĝo de la kuracistaj konsultoj, li antaŭaludas kelkajn momentojn da emocio dum tiu ĉi tago. « *Vi havas bonan mediecon* », li diras, « *sed tre penigan kunsidon.* »

*UNUA AKTO.* — Ripeto de la jam priskribita temo, malsekvita de tranzo pli malrapida kaj pli premanta de la mediumo.

Jam tuj post la tria rekomenco de la kantiko, jen la granda aktorino, kiu, tute konsistigita de kapo ĝis piedoj, eliras el la senluma kamero kaj ĉiuflanken transportas inter la ĉeestantaro da subaktoroj kaj gastoj la korbon da blankaj krizantemoj, kies nedifinitan parfumon ŝi antaŭe longtempe enflaris. Kiam la korbo

La corbeille remise en place, elle nous envoie d'un geste gracieux de la main droite des baisers sonores qu'elle éclaire à l'aide d'un écran tenu de la main gauche.

Ici se note un incident scénique d'une valeur expérimentale incontestable.

Pour présenter la corbeille de fleurs à une dame du second rang placée derrière moi, le bras gauche de Madeleine se dégage des plis du péplum et s'avance hardiment au-dessus de ma tête. Quelle occasion plus tentante pour apprécier la consistance de la substance fantômale ? J'y cède sans hésitation. D'un geste rapide, ma main droite se pose franchement sur le poignet de ma grande amie et remonte l'avant-bras jusqu'au coude. Ce contact, qu'elle subit de bonne grâce et sans émoi, me donne la sensation d'une peau féminine douce et chaude, et encore, celle d'un bras de chair résistant.

Avant de se retirer sur la banquette de piano qu'elle ne quittera pas de la soirée, Madeleine prie M. et Madame Alexandre de venir l'embrasser.

A peine est-elle assise qu'à l'extrémité droite de l'espace libre et près d'elle se dessine la silhouette d'un nouveau venu.

Madeleine le présente : « *C'est l'Egyptien,* » dit-elle. — Du siège que j'occupais sur le côté gauche du salon, il n'était pas possible de distinguer les jambes de l'esprit matérialisé ; mais, grâce à l'écran qu'il éleva de la main gauche, son aspect répondait au signalement qu'en donnait le médium à l'état de veille, lors des consultations médicales : buste vêtu d'une tunique gris-clair serrée à la taille, tête au masque bistré, aux yeux brillants, couverte d'un large turban.

Cette première entrevue fut, comme celle de tous ses devanciers, courte et silencieuse.

*DEUXIÈME ACTE.* — Jusqu'alors tout s'était passé

estas remetita sur sia loko, ŝi sendas al ni per gracia gesto de la dekstra mono sonorajn kisojn, kiujn ŝi lumigas per helpo de ekrano tenata de la maldekstra mano.

Tie ĉi devas esti notata scena okazeto havanta nediskuteblan eksperimentan valoron.

Por prezenti la korbon al iu sinjorino sidanta malantaŭ mi en la dua vico, la brako de Madeleine eliĝas el la faldoj de la peplumo kaj sentime antaŭeniĝas super mian kapon. Ĉu povas okazi pli loga ŝanco por taksi la firmecon de la fantomeca substanco ? Mi senhezite obeas la tenton. Per rapida gesto mia dekstra mano metas sin senŝanceliĝe sur la manradikon de mia granda amikino kaj supreniras laŭ la antaŭbrako ĝis la kubuto. Tiu ĉi tuŝado, kiun ŝi akceptas volonte kaj sen ia timemocio, sentigas al mi virinan glatan kaj varman haŭton kaj ankaŭ malmolan brakon el karno.

Antaŭ ol ŝi retiriĝos sur la pianan benketon, kiun ŝi ne forlasos dum la tuta vespero, Madeleine petas, ke sinjoro kaj sinjorino Alexandre venu kaj kisu ŝin.

Apenaŭ ŝi sidas, jen ĉe la dekstra ekstremaĵo de la neokupita spaco kaj proksime je ŝi konturiĝas la silueto de ia noveveninto.

Madeleine prezentas lin : « *Tio estas la egiptano,* » ŝi diras.

Rigardante el la seĝo, kiun mi okupis sur la maldekstra flanko de la salono, ne estis eble distingi la krurojn de la materiiĝinta spirito ; sed dank' al la ekrano, kiun li levis per la maldekstra mano, lia aspekto respondis al la priskribo, kiun faris pri li la mediumo en la stato de maldormo, dum la kuracistaj konsultoj : busto vestita per tuniko de hele griza koloro streĉita ĉe la talio, kapo kun bistra vizaĝo kun brilantaj okuloj, kovrita per larĝa turbano. Tiu ĉi unua renkonto estis, same kiel tiu de ĉiuj liaj antaŭuloj, mallonga kaj silenta.

sans encombre et rien ne présageait les tultumueuses péripéties auxquelles faisait allusion l'avertissement : « *Séance très pénible* » du grand organisateur.

Les écrans lumineux nous charmaient de leurs évolutions, quand des coups précipités retentissent soudain à mes côtés ; Madeleine disparaissant jette ce cri d'alarme : « *Chassez, chassez* »*;* l'écran en vol s'abat à nos pieds. Toute la scène se vide à l'invasion de fluides hostiles, devant l'entrée brutale d'esprits invisibles malfaisants. Contre ces intrus Madame Alexandre se dresse immédiatement et déploie l'énergie d'une défense opiniâtre. Adjurations, imprécations, objurgations, tout est mis en œuvre. C'est une lutte en champ clos où, simples assistants, nous éprouvons la pénible impression de n'y prendre part qu'à l'aide de nos forces mentales. Cependant le bon droit prévaut contre ces importuns qui n'en sont pas à leur premier avatar.

Après quelques minutes d'un combat lequel, par trois fois et toujours précédé des mêmes prodromes, s'est renouvelé à de courts intervalles, nos adversaires s'enfuient ; Madeleine reprend sa place au piano ; les écrans, leur vol, et trois coups répétés annoncent la reprise de service du Commandant. Successivement les écrans d'Allan Kardec, de Campana et de Frédéric Soulié, médium guérisseur bien connu à Mantes, viennent me frapper le front en signe d'amitié. Quand d'ailleurs quelques doutes s'élèvent sur leur personnalité, c'est Madeleine qui, d'une voix très intelligible, s'empresse de les dissiper.

Mais il est minuit : les Invisibles nous donnent congé : « *Allons, bonsoir pour ce soir,* » dit le Maître, et « Madeleine d'ajouter : *Bonsoir père, bonsoir mère,* « *bonsoir à tous. Mère, réveille le médium* », puis s'évanouit.

*DUA AKTO.* — Ĝis tiam ĉio fariĝis glate kaj nenio antaŭanoncis la tumultajn okazojn, kiujn aludis la averto : « *Tre peniga kunsido* » de la ĉefa organizanto. La lumaj ekranoj ĉarmis nin per siaj promenadoj, kiam subite aŭdiĝas rapidegaj frapoj ĉe miaj flankoj ; malaperante Madeleine eligas la alarmkrion : « Forpuŝu, forpuŝu ! » La fluganta ekrano defalas ĉe miaj piedoj, la tuta scenejo malpleniĝas pro la invado da malamikaj fluidoj, pro la kruda eniro de nevideblaj malbonfarantaj spiritoj. Kontraŭ tiuj entruduloj sinjorino Alexandre senprokraste stariĝas kaj montras persistan energion por la defendo. Petegoj, malbenoj, insistaj admonoj, ĉio estas uzata. Tio estas lukto en fermita batalkampo, dum kiu ni, simplaj ĉeestantoj, sentas la malagrablan impreson, ke ni partoprenas en la batalo nur per niaj mensaj fortoj. Tamen la praveco fine estas pli forta ol tiuj ĝenantoj, kiuj ne unuafoje transformiĝis.

Post kelkaj minutoj da interbatalo, kiu trifoje ripetiĝas post mallongaj intertempoj kaj ĉiam kun la samaj antaŭsignoj, niaj kontraŭuloj forkuras ; Madeleine reokupas sian lokon apud la piano, la ekranoj rekomencas sian flugadon kaj tri ripetitaj frapoj anoncas, ke la batalionestro denove deĵoras kaj plenumas sian servon. Sinsekve la ekranoj de Allan Kardec, de Campana kaj de Frideriko Soulié, kuracanta mediumo tre konata en Mantes dum la jaro 1924, venas al mi kaj frapas mian frunton por signi amikecon. Cetere, kiam estas ia dubo pri ilia personeco, Madeleine, per tre klara voĉo, senprokraste forigas ĝin.

Sed estas la meznokta horo, la nevidebluloj adiaŭas al ni : « *Nu, bonan nokton por hodiaŭ,* » diras la majstro, kaj Madeleine aldonas : *Bonan nokton, patro, bonan nokton Patrino,* « *Bonan nokton al ĉiuj. Patrino, veku la mediumo !* » Poste ŝi fordisiĝas.

# LES RENAISSANCES EPHEMERES DE MANTES

## DEUXIÈME PARTIE

### Authenticité, Analyse et Synthèse

Telles sont les manifestations de caractère éminemmemt spiritique qui se sont produites à Mantes dans la maison Alexandre de février 1924 à février 1925. Ces rendez-vous d'amis disparus, reprenant à jour fixe, comme un vêtement heureusement retrouvé, leur organisme d'antan, leurs attitudes familières, leur langage, témoignage irrécusable d'un cerveau pensant, leurs marques d'affection, toutes ces manifestations d'un retour temporaire à notre vie terrestre me semblent assez nombreuses pour s'en tenir à ces résultats inespérés. En attendre d'autres n'ajouterait rien à la valeur probante de ces premiers documents. Cependant, avant de dégager les conclusions scientifiques, philosophiques et pratiques qui découlent de ce spectacle magique il importe de répondre à cette double question que tous mes lecteurs se sont sans doute déjà posée :

**I. — Ces faits sont-ils véridiques, c'est-à-dire tels qu'ils** *ont été rapportés.*

**II. — Ces faits sont-ils vrais, c'est-à-dire exempts de toute tare frauduleuse.**

Sur la première question il apparaît que leur périodicité et leur publicité doivent satisfaire la plus sévère critique.

En effet, durant six mois, chaque année depuis trois

# LA NEDAŬRAJ REENKORPIĜOJ EN MANTES

## DUA PARTO

### Aŭtentikeco, Analizo kaj Sintezo

Tiaj estas la esence spiritistaj manifestadoj, kiuj fariĝis en Mantes en la domo Alexandre ekde februaro 1924 ĝis februaro 1925. Tiuj ĉi rendevuoj de malaperintaj amikoj, kiuj ĉe difinitaj tagoj reprenas, same, kiel retrovitan veston, sian antaŭan korpan organismon, siajn kutimajn sintenadojn, sian dirmanieron, nediskuteblan ateston pri funkciado de pensanta cerbo, siajn montrojn de amo, ĉiuj tiuj manifestiĝoj de kelktempa reveno al nia surtera vivado ŝajnis al mi sufiĉe multaj kaj pruvaj por ke mi kontentiĝu je tiuj neesperitaj rezultatoj. Atendi pli multajn manifestadojn neniel plifortigus la pruvan valoron de tiuj ĉi unuaj dokumentoj. Tamen antaŭ ol mi starigos la sciencajn, filozofiajn kaj praktikajn konkludojn, kiuj elfluas el de tiu spektaklo magia, estas necese, ke mi respondu al duablo demando, kiun ĉiu miaj legintoj kredeble faris al si :

**1. — Ĉu tiuj ĉi faktoj estas laŭvere rakontitaj kaj raportitaj ?**

**2. — Ĉu ili estas veraj, t. e. liberaj el ĉiu ajn suspektindeco pri trompemo ?**

Pri la unua demando, estas verŝajne, ke ilia periodeco kaj publikeco kontentigos la plej severan kritikon.

Efektive, dum ses monatoj, ĉiujare, jam de tri jaroj,

ans, à jour fixe pendant trois heures, 15 à 18 personnes les ont vus, les voient et les verront encore. Les séances sont publiques et des places réservées à des étrangers se renouvelant chaque semaine : admettre l'hypothèse d'une entente entre ces invités de passage et l'assistance habituelle serait faire injure au bon sens. Du reste, mes compte-rendus ont été devancés par d'autres aussi explicites du docteur G.B. (bulletin de la Société Psychique de Nancy, janvier 1923) et confirmés par ceux de M. Westermann, ingénieur chimiste, (même bulletin, novembre 1924) et de M. Malosse, publiciste à Lyon, (Revue Spirite Belge du 15 novembre 1924).

En second lieu, tout soupçon de fraude disparaît devant certains gestes ou détails sur lesquels j'appelle l'attention du lecteur de bonne foi :

1° Les acteurs évoluent non pas sur une scène éloignée mais dans un étroit couloir et à portée de la main des assistants du premier rang ;

2° Chaque fois que le désir en est exprimé, Madeleine s'éclaire le visage ou passe l'écran lumineux en arrière des jambes allongées du médium endormi ;

3° La sensation des baisers de la jeune réincarnée n'accuse pas le contact des moustaches de ce dernier ;

4° Comment imiter l'instantanéité de l'apparition et de la disparition des fantômes. En moins d'une seconde une légère fumée devient un organisme humain, puis se résout aussi rapidement qu'un brouillard chassé par le vent ?

5° Comment attribuer à la fraude l'envol concomitant de deux écrans lumineux sous le plafond de la salle, alors que simultanément retentissent des coups dans les murs, les notes du piano sous les doigts de Madeleine et le bruit des rideaux du cabinet noir glissant sur la tringle.

6° Enfin, dans le cours de l'année, on a éprouvé au

je fiksaj tagoj, dum tri horoj, dekkvin ĝis dekok personoj ilin vidis kaj vidas kaj vidos. La kunsidoj estas publikaj kaj lokoj estas rezervataj al gastoj, kiuj ĉiusemajne noviĝas; tial estus ofendo al la komuna saĝo, se oni akceptus la supozon pri sekreta interhelpo inter tiuj ĉi pasantaj gastoj kaj la kutima ĉeestantaro. Cetere miajn raportojn antaŭis aliaj, egale precizaj, faritaj de D-o G. B. (Bulteno de la Psika Societo de Nancy, januaro 1923), kiujn konfirmis tiuj de s-o Westermann, inĝeniero-ĥemiisto (Sama Bulteno, novembro 1924) kaj de s-o Malôsse, publicisto en Lyon (Belga Spiritista Revuo de 15-a de novembro 1924).

Due, ĉiu ajn suspekto pri trompemo devas foriĝi, se oni rimarkas kelkajn gestojn aŭ detalojn, pri kiuj mi atentigas ĉiun sinceran leganton:

1. La aktoroj moviĝas ne sur ia malproksima scenejo, sed en mallarĝa koridoro, kaj estas atingeblaj per la mano de la unuavicaj ĉeestantoj;

2. Ĉiufoje, kiam oni esprimas deziron pri tio, Madeleine lumigas sian vizaĝon aŭ pasigas la luman ekranon malantaŭ la krurojn de la dormanta mediumo;

3. La kisoj de la juna reenkorpiĝantino ne sentigas la kontakton de la lipharoj de la mediumo;

4. Kiamaniere oni povus imiti la unumomentan rapidecon de la apero kaj de la malapero de la fantomoj? En la daŭro de malpli ol unu sekundo ia malpeza fumo fariĝas homa organismo, kaj poste dissolviĝas tiel rapide, kiel nebulo disblovita de la vento.

5. Kiamaniere oni povus atribui al trompa artifiko la samtempan sendon de du lumaj ekranoj sub la plafonon de la ĉambro, dum samtempe sonas frapoj en la muroj kaj la klavoj de la piano sub la fingroj de Madeleine kaj la bruo de la kurtenoj de senluma kamero ŝoviĝantaj sur la stango?

dernier moment les désillusions de deux séances nulles, absolument nulles, ce qui n'aurait pas eu lieu si des simulateurs se proposaient d'abuser de la crédulité de leurs invités.

Pour ces diverses raisons je crois pouvoir attester la sincérité des phénomènes et de mon récit en m'appropriant ces paroles du Président de la Société Royale de Londres : « *Je ne dis pas que cela est possible, je dis « que cela est.* »

## Analyse

Les faits observés se rangent en trois classes : ils sont d'ordre visuel, auditif et tactile.

**Phénomènes visuels.** — A la lueur de trois lampes rouges, fréquemment renforcée par la lumière de deux cartons couverts d'une couche de sulfure de zinc, les spectateurs voient apparaître, à la distance d'un mètre de leur siège, des vapeurs laiteuses prenant au bout de quelques minutes la figuration soudaine de formes humaines. Ils voient ces formes se mouvoir, s'asseoir sur la banquette d'un piano, en frapper les touches, distribuer des fleurs, donner des baisers. Les yeux de ces êtres regardent, leurs oreilles entendent ; leurs mains qui élèvent les écrans à hauteur d'épaule ou les placent en arrière des jambes du médium, sont capables de vaincre la résistance de la pesanteur. Le visage de Madeleine s'éclaire parfois d'un sourire.

Ils voient enfin les cartons sulfurés prendre un vol spontané, décrire des orbes vertigineuses au-dessus de l'assistance puis traduire par des attitudes sympathiques l'identité de l'intelligence qui les meut.

**Phénomènes auditifs.** — Les apparitions parlent : « *je suis très heureuse, dit Madeleine en s'adressant à « une invitée, et je vous aime. — Les écrans sont un « peu lourds, répond-elle à sa mère, le médium est un « peu fatigué, il tousse ;* — s'avançant un jour près de

6. Fine oni spertis, ĉe la fino de la jaro, la senreviĝon de du nulaj kunsidoj, kio certes ne estus okazinta, se trompantoj estus provintaj ekspluati la trokredemon de la gastoj.

Pro tiuj ĉi diversaj kialoj, mi kredas, ke mi povas atesti la sincerecon de la fenomenoj kaj de mia raporto, aplikante al mi la parolojn de la Prezidanto de la Londona Reĝa Societo : « Mi ne diras, ke tio estas ebla, mi diras, ke tio estas. »

## Analizo

La observitaj faktoj enviciĝas en tri klasojn : ili estas vidaj aŭ aŭdaj aŭ palpaj.

**Vidaj fenomenoj.** — Ĉe lumeto de tri ruĝaj lampoj, ofte pliintensigita per la lumo de du kartonoj ŝmiritaj per tavolo da zinka sulfuro, la rigardantoj vidas aperi, je unu metro da interspaco de siaj seĝoj, laktecajn vaporojn, kiuj post malmultaj minutoj subite figuriĝas kiel homaj formoj. Ili vidas tiujn ĉi formojn moviĝi, sidiĝi sur la benketon de piano, frapi la klavojn, disdoni florojn kaj kisojn. La okuloj de tiuj estaĵoj rigardas, iliaj oreloj aŭdas, iliaj manoj, kiuj levas la ekranojn ĝis alteco de ŝultroj aŭ metas ilin malantaŭ la krurojn de la mediumo, estas kapablaj venki la kontraŭstraron de la pezoforto. Iafoje la vizaĝo de Madeleine ĝojiĝas per rideto.

Fine oni vidas la sulfurŝmiritajn kartonojn propramove ekflugi, iri kapturnige rapidajn rondvojojn super la ĉeestantaro kaj montri per simpatie samsentaj sintenadoj la memecon de la inteligentulo, kiu movigas ilin.

**Aŭdaj fenomenoj.** — La aperoj parolas : « Mi estas tre feliĉa », diras Madeleine al gastino, « kaj mi amas vin. » — « La ekranoj estas iom pezaj, » ŝi respondas al sia patrino, « la mediumo estas iom laca, li tusas !, » kaj, alproksimiĝante al mi, ŝi elparolas tre

« moi : *Monsieur, prononce-elle très distinctement, je* « *viens vous remercier pour le médium.* » C'est la même qui dans la dernière séance nous présente les Esprits inconnus et la termine par ces paroles d'adieu : « *bonsoir père, bonsoir mère, bonsoir à tous.* »

Si ce fantôme parle, c'est qu'il possède comme nous des cellules cervicales pour penser, des poumons pour respirer, des cordes vocales et une langue pour se faire entendre. Ses baisers sont même sonores.

**Phénomènes tactiles.** — Ces formes humaines opposent à la pression de la main l'inertie de la matière. Quand on les touche, on sent la résistance d'une chair vivante, la douceur de la peau ou l'âpreté de doigts durcis au travail. Quand elles embrassent, leurs baisers émanent de lèvres chaudes, légèrement humides, parfois encadrés de cheveux flottants. La chaleurs de ces contacts dénote une circulation sanguine sous la poussée artérielle.

## Synthèse

Il n'y a plus maintenant ni collusion ni illusion qui tienne : cet être de structure humaine reconstitué avec la même taille et les mêmes traits est identique, pour tous ceux qui l'ont connu, à la personnalité physique de Madeleine Alexandre. A ce premier point de ressemblance s'ajoute l'identité morale : mêmes manifestations de sensibilité, d'intelligence et de volonté. Ses marques d'affection, ses paroles font revivre la jeune fille des derniers mois de 1918. Avec quel empressement ne court-elle pas, sitôt revenue à la vie d'Ici-bas, vers ses parents pour les saluer des noms de père et de mère, s'asseoir sur leurs genoux, les serrer dans ses bras. A aucune des séances elle n'oublie ses amis ; elle semble même chargée du rôle de les instruire.

Qu'on ne s'y trompe pas, en effet ; la renaissance de cet Esprit bienfaisant, accompagné ou suivi de Joséphine

klare kaj nekonfuzeble : « *Sinjoro, mi dankas al vi por la mediumo.* » La sama Madeleine, en la lasta kunsido, prezentas al ni la nekonatajn spiritojn kaj fine adiaŭas ene : « *Bonan vesperon, patro ; bonan vesperon, patrino ; bonan vesperon al ĉiuj!*

Se tiu ĉi fantomo parolas, ĝi posedas, same kiel ni, cerbajn ĉelojn por pensi, pulmojn por spiri, voĉajn tendenojn kaj langon por aŭdigi sin. Eĉ ĝiaj kisoj estas sonoraj.

**Palpaj fenomenoj.** — Tiuj ĉi homaj formoj kontraŭigas al la premo de la mano la inertecon de la materio. Kiam oni palpas ilin, oni sentas la reziston de vivanta karno, la glatecon de la haŭto aŭ la malglatecon de fingroj malmoligitaj pro la laboro. Kiam ili kisas, iliaj kisoj estas faritaj de lipoj varmaj, iomete malsekaj, kelkfoje enkadrigitaj per neligitaj kapharoj. La varmeco de tiuj ĉi kontaktoj montras sangan cirkuladon sub arteria premo.

## Sintezo

Nun oni ne plu povas paroli pri sekreta interkonsento aŭ pri iluzio : tiu ĉi estaĵo kun homa strukturo, rekonsistigita kun la sama staturo kaj la samaj trajtoj, estas tute identa, por ĉiuj, kiuj konis ŝin, al la korpa persono de Madeleine Alexandre. Al tiu ĉi unua simileco korpa aldoniĝas la morala simileco : samaj manifestadoj de sentemo, de inteligento kaj de volo. Ĝiaj signoj de amo, ĝiaj paroloj kvazaŭ revivigas la junulinon de la lastaj monatoj de 1918. Kun kia fervoro, tuj kiam ŝi estas surtere reviviĝinta, ŝi kuras al la gepatroj, salutante ilin per la nomoj patro kaj patrino, sidiĝante sur iliajn genuojn, premante ilin en la brakoj. Dum neniu el la kunsidoj ŝi forgesas siajn amikojn, kaj ŝi eĉ ŝajnas kvazaŭ komisiita por instrui ilin.

Blaise, de l'Egyptien, des écrans volant, sautillant, mimant leurs sympathies n'est pas un vain spectacle. On saisit dans ce retour à la vie terrestre, si peu durable qu'il soit, dans ces marques répétées d'amitié, dans cet empressement de Madeleine à satisfaire nos désirs, un plan arrêté, une pensée dominante, l'idée de nous convaincre de la vérité de ces trois propositions convergentes :

**I. — Nous sommes ici-bas entourés d'êtres invisibles intelligents, volontaires, avec qui nous pouvons communiquer ;**

**II. — Ces êtres, quand ils se révèlent, ont la forme et le langage d'êtres humains.**

**III. — Nous retrouvons parfois parmi eux nos parents, nos enfants, nos amis.**

En l'état actuel, le spiritisme scientifique ne contient rien de plus.



Oni efektive ne eraru: la reviviĝo de tiu ĉi bonfara spirito, akompanata aŭ sekvata de « Joséphine Blaise », de la egiptano, de la ekranoj, kiuj flugas, saltetas, geste montras siajn simpatiojn, ne estas vanta spektaklo, ĉar en tiu ĉi eĉ nelongedaŭra reviviĝo, en tiuj ripetitaj montroj de amikeco, en tiu fervoro de Madeleine por kontentigi niajn dezirojn oni rimarkas fiksan planon, regantan penson, kaj la intencon konvinki nin pri la vereco de jenaj samcelaj asertoj:

I. — Tie ĉi surtere ni estas ĉirkaŭataj de nevideblaj inteligentaj, volkapablaj estaĵoj, kun kiuj ni povas komuniki;

II. — Tiuj estaĵoj, en la okazoj, kiam ili malkovras sin, havas la formon kaj la lingvon de homaj estaĵoj.

III. — Iafoje ni retrovas inter ili niajn parencojn, niajn idojn, niajn amikojn.

En la nuna stato, la scienca spiritismo enhavas nenion pli.



TROISIÈME PARTIE

# CONCLUSIONS

## Conclusions Scientifiques

Parlant d'apparitions fantômales qu'il avait éprouvées à la Villa Carmen, près d'Alger, le professeur Charles Richet, notre illustre antagoniste, s'exprime ainsi : « *C'est absurde, mais peu importe, c'est vrai.* » (Traité de métapsychique, page 691).

Absurdes, eût-il mieux dit, les hypothèses explicatives qu'elles ont suscitées.

Les plus naïves ont traité ce genre de spectacle de manœuvre diabolique, enrôlant à son issu le Prince des Ténèbres dans la lutte du spiritualisme contre le matérialisme. D'autres l'ont qualifié d'hallucination, sans songer que l'hypothèse d'une hallucination collective de trois heures est une monstrueuse aberration biologique. Pour le plus grand nombre, l'action intelligente des écrans, bien que de même ordre de grandeur que le jeu des personnages scéniques, n'est qu'une série d'enfantillages indignes de tout examen scientifique. Nouvelle absurdité : la science électrique, n'est-elle pas née des réactions de pattes de grenouilles et l'anatomie, de la fréquentation des squelettes ?

Reste l'hypothèse spirite d'une renaissance éclose dans l'obscurité, de même que l'embryon humain conçu dans le sein de la mère. C'est la seule dont les déductions soutenables font comprendre comment dans le salon Alexandre, incarnés et désincarnés, ne sont, pour quelques heures, qu'un même monde vivant et pensant.

## TRIA PARTO

# KONKLUDOJ

### Sciencaj Konkludoj

Parolante pri fantomaj aperoj, kiujn li spertis en la "Villa Carmen" apud Alĝero, Profesoro Charles Richet, nia brilefama kontraŭulo" diras la jenon: "Tio estas absurda, sed negravas la absurdeco, ĉar tio estas vera." (Traktato pri Metapsikiko, paĝo 691).

Li pli ĝuste estus parolinta, se li estus dirinta absurdaj la klarigajn hipotezojn, kiujn tiuj aperoj estigis.

La plej naivaj klarigoj deklaris tiajn spektaklojn diablaj artifikoj, envicigante la Princon de la Mallumo sen lia scio en la batalon de la spiritualismo kontraŭ la materialismo. Aliaj nomis ilin halucinacio, ne atentante, ke la supozo pri ia kolektiva trihora halucinacio estas supermezura biologia erarego. Por la plej multo el la klarigantoj la inteligenta agado de la ekranoj, kvankam sammezura, kiel la ludo de la surscenaj personoj, estas nur aro da infanaĵoj, kiuj meritas neniun ajn sciencan ekzamenon. Sed tio ankaŭ estas absurdaĵo: ĉu la scienco pri elektro ne naskiĝis el la studo pri la reagoj de ranaj kruroj kaj la anatomio el la esploro pri skeletoj ?

Restas la hipotezo spiritista pri renaskiĝo estiĝinta en senlumo same, kiel la homa embrio formiĝinta en la interno de la patrino. Tio estas la sola hipotezo, kies deduktoj estas defendeblaj kaj povas komprenigi kiamaniere, en la salono Alexandre, enkorpiĝintoj kaj senkorpiĝintoj estigas dum malmultaj horoj unu saman vivantan kaj pensantan mondon.

Interrogé sur le phénomène de production instantanée de fleurs, l'un de mes interlocuteurs invisibles me répondit un jour : « *J'emprunte une partie des éléments « au médium, l'autre partie à l'atmosphère.* » Pour simpliste que soit cette explication, elle ne s'accorde pas moins avec le résultat des pesées médiumniques effectuées par Crowkes et Crawford. Le contrôle de ces pesées, avant et pendant la trance, permit de constater que le médium entrancé perd peu à peu une notable partie de son poids, qu'il récupère d'ailleurs au réveil. Il s'ensuit naturellement que le dédoublement du médium et par là le succès des manifestations est conditionné par son état de santé. Ce sont les quintes de toux du médium Blaise qui, le 2 février 1924, alourdissaient les écrans dans les mains de Madeleine.

Indépendamment de l'état physiologique du sujet, ses facultés médiumniques relèvent encore de l'ambiance plus ou moins confiante qui l'entoure.

Nul praticien n'ignore en effet l'importance de cette harmonie mentale, semblable à l'affinité chimique, qui enchaîne dans une étroite collaboration médium et assistants. De cet effort commun s'échappent des ondes psychiques, sœurs jumelles des ondes nerveuses, que l'inventeur de la T.S.F., le médecin Branly, a depuis longtemps assimulées aux ondes électriques. Tout porte à croire que leur faisceau constitue le plus puissant générateur de mouvement et de vie dans l'univers.

Le second facteur du phénomène de matérialisation annoncé par l'Invisible serait l'éther, allégation au plus haut point scientifique.

Nous savons en effet, grâce aux relativités géniales d'Einstein, que, visible ou invisible, rayon lumineux ou goutte d'eau, la matière est une masse ; qu'elle n'est que de l'énergie condensée sous l'action de forces électriques,

Demandita pri la fenomeno de tuja produktiĝo de floroj, iu el miaj nevideblaj kunparolantoj iam respondis : « *Mi prunteprenas parton de la elementoj el la mediumo kaj ilian parton el la atmosfero.* » Kvankam ĝi estas iom trosimpliga, tiu ĉi klarigo akordas kun la rezultato de la mediumaj pesoj, kiujn faris Crowkes kaj Crawford. La kontrolo pri tiuj ĉi pesoj antaŭtranzaj kaj posttranzaj ebligis la konstaton, ke la entranzigita mediumo iom post iom perdas nemalgrandan parton de sia pezo, kiun li cetere reakiras ĉe la vekiĝo. El tio nature sekvas, ke la dupersoniĝo de la mediumo kaj sekve la sukceso de la manifestadoj estas kondiĉataj de lia farta stato. La tusaj krizoj de la mediumo Blaise, la duan de februaro 1924, pezigas la ekranojn en la manoj de Madeleine.

Krom la fiziologia stato de la mediumo, liaj mediumaj kapabloj dependas ankaŭ de la pli aŭ malpli fidanta ĉirkaŭanta medio.

Efektive neniu praktikanta spiritisto nescias la gravecon de tiu mensa harmonio, simila al la ĥemia kombiniĝemo, kiu kunligas en intima kunlaborado la mediumon kaj la ĉeestantojn. El tiu ĉi komuna penado eliĝas psikaj ondoj, ĝemelaj fratinoj de la nervaj ondoj, kiun la kuracisto Branly, elpensinto de la senfadena telegrafio, jam de longe intersimiligis je la elektraj ondoj. Ĉio kredigas, ke tiu triopa aro de ondoj konsistigas la plej potencan naskanton de movo kaj vivo en la universo.

La dua faktoro de la materiiga fenomeno estus, laŭ la sciigo de la nevideblulo, la etero : tiu ĉi aserto estas scienca en la plej alta grado.

Efektive ni scias, dank'al la geniaj relativecoj de Einstein, ke videbla aŭ nevidebla, luma radio aŭ akva guto, la materio estas maso, ke ĝi estas nur energio plidensigita pro la agado de elektraj aŭ magnetaj aŭ

magnétiques et d'autres inconnues. Dans quelque état qu'on la rencontre, solide, liquide, gazeux ou radiant, elle ne cesse de parcourir le même cycle : rien ne se perd, rien ne se crée, concluait Lavoisier. Cette loi générale s'applique à la matière animale, qu'elle soit vivante ou morte. Il n'est donc pas antiscientifique d'admettre, et mes prétentions démonstratives ne vont pas au-delà, que l'énergie — matière dissoute par la désincarnation — reprend, sous le choc d'un psycho-dynamisme et dans des conditions secondaires déterminées, un état de condensation qui permet à l'Esprit d'en façonner la masse.

En un mot : **l'Esprit est en puissance, l'affinité psychique le réalise.**

## Conclusions Philosophiques

Certain jour et à heure fixe, il y a à Mantes un spectacle indicible : l'on voit l'Esprit créer la matière, la modeler, l'actionner et, nouveau Lazare sortant de la tombe, s'identifier avec une jeune fille morte depuis 7 ans. N'est-ce pas la preuve que l'Esprit, source de toute vie, domine la matière, la commande. Ainsi se vérifie cet aphorisme du grand philosophe français positiviste, Auguste Comte :

« *Le monde des vivants est gouverné par les morts* » ; ainsi s'écroule l'adage matérialiste: *la pensée n'est qu'une secrétion du cerveau.*

Au point où nous en sommes, il n'y a plus de salle de spectacle au N° 23 de la rue Maurepas ; elle s'est muée en un centre d'études spiritualistes, où se déroule une méthode scientifique précise, inattaquable, constatant des faits par l'observation, les répétant à volonté, et choisissant parmi les hypothèses suggérées la seule capable de les expliquer et d'en recueillir d'autres ; là se solutionne le problème de

eĉ nekonataj fortoj. En kia ajn stato oni renkontas ĝin, ĉu solida, ĉu fluida, ĉu gasa aŭ radia, ĝi senĉese trairas la saman ciklon ; nenio perdiĝas, nenio kreiĝas, kiel konkludis Lavoisier. Tiu ĉi ĝenerala leĝo koncernas ĉiun animalan materion, ĉu vivan, ĉu mortintan. Tio do ne estas kontraŭscienca, se oni akceptas — kaj miaj pruvaj pretendoj ne estas pli vastaj — ke la energio — materio dissolvita per la senkorpiĝo, denove reakiras, sub la kontraŭfrapo de iu psikodinamismo kaj en flankaj difinitaj kondiĉoj, plidensiĝan staton, kiu ebligas ke la spirito donu formon al ĝia maso.

Unuvorte **la Spirito estas igebla kaj potenciala, la psika kombiniĝemo efektivigas ĝin.**

## Filozofiaj Konkludoj

Je difinita tago kaj je difinita horo okazas en Mantes nerakontebla spektaklo ; oni vidas la Spiriton krei la materion, knedi kaj movigi ĝin kaj, same kiel ia nova Lazaro eliranta el la tombo, memigi sin kun junulino mortinta jam de sep jaroj. Ĉu tio ne estas la pruvo, ke la Spirito, fonto de ĉia vivo, superregas la materion kaj ordonas al ĝi ? Tiamaniere veriĝas la jena aforismo de la granda franca pozitivista filozofo Auguste Comte : « *La mondon de la vivantoj regas la mondo de la mortintoj* » ; tiamaniere ruiniĝas la materialista sentenco : *penso estas nur sekrecio de cerbo.*

En la nuna punkto de la esploro ne plu estas en la numero 23 de la Maurepas-strato ia teatra salono ; tie estiĝis centro de spiritualistaj studoj, kie elvolviĝas scienca, preciza, nekritikebla metodo, kiu konstatas faktojn per observado, ripetigas ilin laŭvole kaj elektas inter la eblaj hipotezoj tiun, kiu estas kapabla komprenigi tiujn ĉi faktojn kaj kolektigi aliajn ; tie solviĝas la problemo de la postvivo ; tie prepariĝas

la survie ; là s'élabore la solide trame d'une morale indépendante de toutes les contingences de race, de milieu et du moment. A vrai dire, les fantômes de Mantes éclairent la destinée de l'homme comme les ossements de la préhistoire dévoilent son origine.

Nos adversaires irréductibles qui ne comprennent rien à cette science positive prétendent qu'elle masque l'introduction d'une religion nouvelle. Une religion se conçoit-elle sans prêtres, sans culte et sans rites ? Or le spiritisme n'a ni prêtres, ni culte, ni rites ; mes expériences personnelles n'ont jamais été précédées de prières, encore moins d'évocations, conformes sur ce point aux errements de la Société Psychique de Nancy, ma mère nourricière. On ne prie pas aux réunions de Mantes ; on n'y demande rien ; on espère en silence.

Mais, si le spiritisme se garde d'élever de nouveaux dieux, il a la suprême sagesse d'instaurer dans la sphère des connaissances humaines ces deux principes philosophiques trop souvent méconnus.

1° L'existence d'un phénomène n'est pas contestable par la seule raison qu'il est inexplicable en l'état actuel de la science acquise ou qu'il renverse des idées enracinées.

2° L'homme réfléchi ne croit que ce qu'il sait, ce qu'en d'autres termes Saint Paul écrivait aux Corinthiens : « *Lorsque j'étais enfant, je parlais comme un* « *enfant, je raisonnais comme un enfant ; quand je* « *suis devenu homme, j'ai laissé là les façons de* « *l'enfant.* »

Par le spiritisme, il sait, cet homme, qu'il ne mourra pas, ce qu'aucune autre science ne lui avait appris jusqu'alors.

Par le spiritisme, il sait que depuis les temps les plus reculés, les morts conversent avec les vivants, ne

la firma fundamento de ia moralo, kiu estos sendependa je ĉiuj ajn rasaj, mediaj kaj tempaj neatentindaj cirkonstancoj. La fantomoj de Mantes ja lumigas la destinon de la homo same, kiel la prahistoriaj ostaroj malkovras lian originon.

Niaj nekonvinkeblaj kontraŭuloj, kiuj neniom komprenas tiun ĉi pozitivan sciencon, pretendas, ke ĝi maskekaŝas enkondukon de ia nova religio. Tamen ĉu religio estas ideigebla kaj konceptebla sen pastroj, sen kultoj, sen ritoj ? Nu, la spiritismo havas nek pastrojn, nek kulton, nek ritojn ; miaj propraj eksperimentoj estas neniam antaŭiritaj de preĝoj nek de elvokoj, kaj ili pri tiu ĉi punkto konformiĝis al la kutimaj agmanieroj de la Psika Societo de Nancy, kiu estas mia nutrintino kaj edukintino. En la kunvenoj de Mantes oni ne preĝas, oni petas nenion ; oni nur esperas silente.

Sed, kvankam la spiritismo tute singarde ne starigas novajn diojn, ĝi tamen tute saĝe enkondukas en la kampon de la homaj konoj la jenajn du filozofiajn principojn, kiujn oni tro ofte ignoris :

1° — La estecon de ia fenomeno oni ne rajtas malkonfesi pro tio nur, ke ĝi ne estas, en la nuna stato de la scienco, klarigebla aŭ ke ĝi kontraŭas enradikitajn ideojn.

2° — Serioza homo kredas nur tion, kion li scias. La samon esprimis per malsamaj vortoj Sankta Paŭlo skribante al la Korintanoj : *« Kiam mi estis infano, mi rezonis infane ; kiam mi viriĝis, mi forlasis la infanajn pensmanierojn. »*

Dank'al la spiritismo, tia homo certe scias, ke li ne mortos. Tiun veron neniu alia scienco ĝis nun sciigis al li.

Dank'al la spiritismo li scias, ke, jam de la plej

leur enseignant que ce précepte sept fois millénaire du tombeau égyptien d'Hirkouff :

« *J'ai été docile envers mon père ; j'ai fait ce qui*
« *plaisait à ma mère ; j'ai été bienveillant envers tous*
« *mes frères ; j'ai donné du pain à l'affamé, des vête-*
« *ments à celui qui était nu, des vases de bière à celui*
« *qui avait soif.* »

Il sait enfin, ce mortel, que la mort n'est plus un abîme sans fond, mais l'aube radieuse du cycle illuminé que parcourent ses aînés.

Pérénité de la vie, entr'aide fraternel : tel est le double pivot sur lequel la science spirite prétend fonder la nouvelle humanité. Toute thèse philosophique qui s'en écartera doit subir le sort de ses devancières : la chute ou le dédain. Pour moi qui ne suis pas philosophe, ma tâche est terminée. Simple témoin de faits, dont de secrètes suggestions m'ont imposé le récit, j'avais en commençant promis à mon contradicteur d'un jour *un grain de sagesse, une pointe de philosophie, une parcelle de vérité* ; c'est à mes lecteurs de témoigner si j'ai rempli ma promesse.

## Conclusions Pratiques

Se trouve-t-il actuellement dans quelque coin du monde des fantômes aussi vivants que Madeleine Alexandre ? Il est permis d'en douter. Doit-on considérer l'ensemble des manifestations de Mantes comme le privilège d'une ville ou d'une famille ? Assurément non.

Soyons bien convaincus que tout groupe médiumnique homogène, manœuvré par une volonté intelligente et tenace, est capable de cultiver avec fruit le même champ d'expérience.

Mais, dira-t-on, les médiums manquent ; erreur pro-

antikvaj tempoj, la mortintoj interparolas kun la vivantoj, instruante al ili nur la jenan sepmiljaran instruon de la egipta tombo de Hirkouff.

*« Mi estis obeema al mia patro ; mi faris tion, « kio plaĉis al mia patrino ; mi estis bonvola al ĉiuj « miaj fratoj ; mi donis panon al la malsatanto, « vestojn al tiu, kiu estis nuda, vazojn da biero al « tiu, kiu soifis. »*

Fine tia mortonta homo scias, ke morto ne estas senfunda abismo, sed brila matenkrepusko de la lumega ciklo, kiun trairas liaj antaŭuloj.

Ĉiameco de la vivo, frata interhelpo, tia estas la duobla akso sur kiu la spiritista scienco pretendas starigi la novan homaran societon ; ĉiu ajn filozofia tezo, kiu dekliniĝos de tiuj principoj, devos, same kiel ĉiuj antaŭaj tezoj, esti renversata aŭ malŝatata. Ĉar mi ne estas filozofo, mia tasko estas finita. Simpla memvidinto de faktoj, kies rakontadon trudis al mi sekretaj sugestoj, mi komencante promesis al mia unutaga kontraŭulo : *eron da filozofio, grajnon da saĝeco, peceton da vero.* miaj legintoj atestos, ĉu mi plenumis mian promeson.

## Praktikaj Konkludoj

Ĉu ekzistas nuntempe en ia anguleto de la mondo fantomoj tiel vivantaj, kiel Madeleine Alexandre ? Oni povas dubi pri tio. Ĉu oni devas rigardi la aron de la manifestadoj en Mantes kiel privilegion de iu urbo aŭ familio ? Certe ne.

Ni estu tute konvinkitaj, ke ĉiu ajn homogena mediuma grupo, direktata de inteligenta kaj persista volo, estas kapabla kulturi malvane la saman eksperimentan kampon.

Sed, oni diras, la mediumoj mankas. Oni eraregas.

fonde. Ils se rencontrent sous l'humble toit et sous les lambris ; si on les ignore, s'ils s'ignorent eux-mêmes, c'est qu'on ne les cherche pas. Cette conviction, je la dois à ma propre expérience. Ils n'ont pas manqué à Mantes dont la population ne dépasse pas 10.000 habitants. A Nancy, j'ai éprouvé de 1915 à 1916 trente personnes des deux sexes : aucune ne s'est montrée radicalement réfractaire, je veux dire impuissante à faire mouvoir une table légère, sinon dès le premier essai, au plus tard à la troisième tentative.

Toutefois, entendons-nous bien : il en est de ce pouvoir que nous possédons tous à l'état embryonnaire comme des aptitudes aux sciences mathématiques, les unes ne dépassant pas les quatre premières règles, les autres accessibles aux abstractions du calcul différentiel et intégral.

Ne perdons pas de vue non plus que, si rudimentaire qu'il soit, ce pouvoir médiumnique ne se développe, de même que notre système musculaire, que par un exercice pondéré et prolongé.

C'est pourquoi sous de patients efforts et à la suite d'expériences conduites non pas en guise de passe-temps, *source d'interventions déconcertantes*, mais avec la pensée d'apporter leur contribution à une science dominante, un jour viendra où de nombreux groupes spirites, soudés par l'affinité psychique, enfanteront des prodiges. Ces prodiges, n'est-il pas de l'intérêt primordial de toutes les races d'en être informé ?

Qu'ils se souviennent alors de ces paroles du grand évêque français : « **La vérité est un bien commun ; « quiconque la connaît, la doit à ses frères.** »

En son temps, il y a deux siècles, elles se répandaient avec peine au-delà de la chaire d'où elles étaient sorties.

Ili troviĝas sub plej humila tegmento kaj sub la luksaj paneloj. Oni ne konas ilin, ili mem sin ne konas nur pro tio, ke oni ne serĉas ilin. Tiun konvinkon mi ŝuldas al mia propra sperto. La mediumoj ne mankis en Mantes, kies loĝantaro ne superas dekmil personojn. En Nancy mi provis, de 1915 ĝis 1916 tridek gepersonojn ; neniu montriĝis sepre rezistema, tio signifas nekapabla movigi malpezan tableton, se ne ĉe la unua provo, almenaŭ ĉe la tria.

Tamen ni devas ĝuste interkompreniĝi : pri tiu kapablo, kiun ni ĉiuj posedas almenaŭ embrie la samo estas, kiel pri la kapablo por la matematikaj sciencoj : tiuj ĉi homoj ne iras pli malproksime ol la kvar unuaj reguloj, la aliaj atingas la abstraktaĵojn de la diferenciala kaj integrala kalkulo.

Ni ne forgesu ankaŭ ke, eĉ tre malforta, tiu ĉi mediumeca pove plifortiĝas, same kiel nia muskolaro, nur per ekzerco modera kaj daŭra.

Tial post paciencaj penadoj kaj post eksperimentoj direktotaj ne kiel amuzo, *kio estigas konsternaj intervenojn,* sed celante alporti sian kunlaboradon al reganta scienco, venos ia tago, en kiu multaj spiritistaj grupoj, interligitaj per la psika parenceco kaj kombiniĝemo, naskos miregindaĵojn. Ĉu ne estas ĉefe kaj precipe interesa por ĉiuj rasoj, ke oni estu informata pri tiaj faktoj ?

Ĉiuj memoru tiam la parolojn de la granda franca episkopo : “ **La vero estas komuna apartenaĵo ; kiu ajn konas ĝin, devas diskonigi ĝin al siaj fratoj.** ”

En la epoko de Bossuet, antaŭ du jarcentoj, tiuj paroloj apenaŭ povis disvastiĝi en proksimeconde la katedro, el kiu ili estis eliĝintaj. Sed hodiaŭ la disvastiga ilo estas kreita : jam de dudek jaroj ĝi traflugas la-

Mais aujourd'hui l'instrument de diffusion est créé : depuis vingt ans il parcourt le monde. C'est l'Esperanto, langue internationale facile, particulièrement intelligible pour les peuples latins. Cette langue a ses journaux, ses revues, ses congrès annuels de milliers d'adhérents. C'est l'instrument de propagande des unions de catholiques, de Francs-Maçons, de pédagogues, de commerçants et de bien d'autres poursuivant le même objectif.

Pionniers de la science spirite, ne restons pas en arrière : imitons-les ; unissons par la langue internationale les membres visibles et invisibles d'une humanité, encore toute pantelante d'hécatombes abjectes. Et de quoi aurait-elle plus besoin, cette humanité avide de paix, que d'une langue commune mise au service d'une morale universelle ?

FINO

*J. Thiébault,*
Membre de la Société Psychique de Nancy.



mondon. Ĝi estas ESPERANTO, lingvo internacia, facila, aparte facila por la latinidaj popoloj. Tiu lingvo havas siajn gazetojn, siajn revuojn, siajn ciujarajn kongresojn, kiuj kunvenigas milojn da anoj. ESPERANTO estas la propaganda instrumento egale de katolikaj societoj, de framasonoj, de pedagogoj, de komercistoj kaj de multaj aliaj samcelanoj.

Pioniroj de la spiritista scienco, ni ne restu malantaŭe : ni imitu ilin, ni kunigu per la internacia lingvo de Zamenhof la videblajn kaj nevideblajn anojn de homaro, kiu ankoraŭ konvulsias pro malnoblaj hekatomboj. **Ĉar, estante pacavida, kion ĝi bezonas pli ol komuna lingvo, servanta al universala moralo.?**

FINO

*J. Thiébault,*
Membro de la Psika Societo de Nancy.



# A UN FANTOME

*Pour Madeleine Alexandre.*

*Toi qui vers tes aimés tends tes bras de lumière,*
*Toi qui sur leur douleur mets les baisers du ciel,*
*Esprit mytérieux, blanche fleur éphémère,*
*Qui passes comme un rêve à travers le réel!*

*Toi qui pourrais planer aux voûtes merveilleuses,*
*Toi qui pourrais monter jusqu'aux étoiles d'or,*
*Tu viens illuminer nos routes ténébreuses,*
*Bel ange de clarté, consolant notre sort!*

*Toi qui viens du Pays de Beauté surhumaine,*
*Tu portes, dans les plis de tes voiles soyeux,*
*Un doux rayon d'espoir, ô chère Madeleine,*
*Qui chante dans nos cœurs frémissants et joyeux!*

*Moissonne donc en nous la flamme ardente et claire*
*Et, vers les champs d'azur, dans le vaste ciel bleu,*
*Comme une blanche gerbe emporte nos prières*
*A travers l'infini, jusqu'au trône de Dieu!*

Ad. Westerman.
Ingénieur Chimiste I. C. N.
39, Avenue de la Garenne — NANCY
(Meurthe-et-Moselle) France

## Respeckte Dediĉita
## al Madeleine Alexandre

*Vi kiu al viaj amatoj etendas lumajn brakojn,*
*Vi kiu metas sur ilia doloro la ĉielajn kisojn,*
*Ho mistera spirito, blanka sendaŭra floro,*
*Kiu pasas, kvazaŭ sonĝo, tra la realaĵo !*

*Vi kiu povus ŝvebi apud la mirindajn volboj,*
*Vi kiu povus leviĝi ĝis la oraj steloj,*
*Vi venas por lumegigi niajn senlumajn vojojn*
*Ho bela klara anĝelo, konsolanta nian sorton !*

*Vi kiu venas el la lando de la superhoma beleco,*
*Vi portas en la faldoj de viaj silkecaj vualoj*
*Dolĉan radion de espero, ho kara Magdaleno,*
*Kiu kantas en niaj ĝoje tremantaj koroj !*

*Rikoltu do en ni la ardan helan flamon*
*Kaj al la lazuraj kampoj, en la vasta blua ĉielo,*
*Portu nian preĝojn, kvazaŭ blankan gerbon,*
*Tra la senlimaĵo ĝis la trono de Dio !*

*A. Westermann,*
Membro de la Psika Societo de Nancy.
Inĝeniero Ĥemiista
39, Avenue de la Garenne — NANCY (France)

# Post-Scriptum

La solution de l'énigme de la survie étant un bien commun, j'abandonne, à tous ceux qui voudront en user, le droit de reproduire dans leur langue nationale cet opuscule de diffusion scientifique.

En retour, je désiserais être informé, en quelque lieu qu'il se produise, de tout phénomène d'égale valeur présenté *sous le contrôle et la signature d'honorables témoins*.

LES FANTOMES DE MANTES

Prix franco 5 francs fr.
(par 5 exemplaires, 20 francs fr.)
Livrables par l'auteur :

*Jules Thiébault,*
à Carignan (Ardennes)
France

et payables en un mandat international,
ou par chèque postal, compte Nancy 27.94

# Postscribo

Ĉar la solvo de la enigmo pri la postvivo estas komuna tuthomara apartenaĵo, mi forlasas al ĉiuj, kiuj volos uzi ĝin, la plenan rajton represi en sia nacia lingvo tiun ĉi libreton destinitan por priscienca diskonigo.

Kompense mi tre dezirus, ke oni informu min pri ĉiu ajn samvalora fenomeno, en kiu ajn loko ĝi okazos, kondiĉe nur ke ĝi estu prezentata sub la kontrolo kaj sub la subskribo de fidindaj atentantoj.

# TABLE DES MATIÈRES

# TABELO DE LA ENHAVO

